

# LA NOVA EPOKO

Literatur-Scienca Aldono al
**SENNACIULO**
oficiala organo de Sennacieca Asocio Tutmonda
Jaro IX/XIII
N-o 1 (97)
aperas dumonate
7. aprilo 1932

## AL „LA NOVA EPOKO“

ROMPU *la digon el indiferento, el malbonhumoro, skeptiko, hezito!*
*Rompu ĝin;*

*Puŝo malforta nur estas bezona, ĉar ŝanceliĝanta ĝi estas sur putraĵo — la muro malhela,*
*Kaj malantaŭ ĝi, ankoraŭ kaŝita, tegita, eklumas jam Nova Epoko!*
*Ekiris ni malmultaj, aŭdacaj, kun freŝo k viglo en koroj,*
*Por detrui ĝin hake, la nigran baraĵon.*
*Por fine malkovri ĝin larĝe, la lumon, la belon, mirindon.*

LA NOVA EPOKO — *ĝi apartenas al ni, al la proletoj,*
*kiuj hodiaŭ penadas, suferas, mizeras,*
*kiuj hodiaŭ dronas en abismo el doloroj, el malabundo turmenta.*

LA NOVA EPOKO — *ĝi estas tiu, kiun ni mem estigas per niaj koroj batantaj, sageca racio,*
*per nia potenca volado forviŝi ĉion,*
*kio hodiaŭ insidas, subpremas.*

LA NOVA EPOKO — *ĝi estas la seneksplutata socio, en kiu ne regas pasia perforto,*
*sed amo, frateco, homeco;*
*estas tiu, en kiu povas libere disvolviĝi la intelektaj fortoj*
*en ni dormetantaj, estingataj, sufokataj en ni ĉiutage de l' reĝimo barbara.*

LA NOVA EPOKO — *ĝi estas la regno de l' socialismo!*

*Ĝin alvenigi — tasko, kiun modeste laŭ sia part' volas helpi plenumi ankaŭ nia Revuo.*
*Antaŭen, fratoj! Kunigu la fortojn ni, radiigu tra tiuj ĉi paĝoj*
*la lumon intensan de nia ideo, de nia volo, de la de ni kreota libero!*

*Vivu* LA NOVA EPOKO!



# LITERATURO

## LA KOLONIPASERO



*Originala rakonto de* HANS WEINHENGST.

Mi volas rakonti al vi historion: La historion de heroo. Sed ne trompiĝu, Gekamaradoj!

Mi ne volas montri al vi la agojn de antikva greka heroo aŭ la aventurojn de mezepoka kavaliro. Nek vi devas sekvi min sur la militiroj de granda indiana tribestro, nek vi estos vokataj sur la batalkampojn de hombuĉa mondmilito. Nenio tia. Se vi volus legi pri herooj tiuspecaj, vi trovus abundon da libroj, kiuj vin kontentigos, ĉu vi tiun aŭ alian guston havus.

Mi volas prezenti al vi heroon, kiel multaj inter ni vivas. Iliaj agoj certe ne estas tiom okulfrapaj kiom tiuj de la kutime glorataj viroj. Ilia heroeco plej ofte montriĝas en malgrandaj agoj de la ĉiutaga vivo. Mia heroo ne estas unu el tiuj, kiuj per siaj heroaĵoj skuas la mondon aŭ tremigas la homaron, sed li apartenas al tiuj, kiuj per siaj oferemo k sindona malegoismo vere enombrigas la heroojn de la mondhistorio.

Sed ĝuste tiuj herooj de la griza ĉiutago devus esti de ni festataj. Iliaj nomoj meritas esti dirataj al niaj infanoj k al ilia memoro ni devus konstrui monumentojn. . . .

Jam sufiĉe da antaŭvortoj! Nun eksciu la historion, kiun mi volas rakonti al vi.

— — — —

En la laborista kolonio K. en Prusio estis iun tagon granda bruo. „La kolonipasero estas veninta!" kriis unu al alia. Mi novulo ne povis kompreni, kion tio signifas, sed eĉ malpli kompreneble al mi kiel tiuj nemoviĝemaj malvarmsangaj nordgermanoj povis tiom ekscitite forlasi la ĉambregon k amasiĝi ĉirkaŭ io aŭ iu, kiun mi ne povis vidi. Mi ankaŭ elkuris sur la korton k klopodis enpenetri la homan bulon. Fine mi sukcesis k ekvidis en la centro de la ĉirkaŭstarantaro malgrandan elsekiĝintan vireton kun granda kapo k longa purpurruĝa nazo.

„Saluton, kolonipasero, bonvenon, pasereto! Nu, ĉu la birdo denove intencas pasigi kelkajn noktojn en varma nesto?" Tiaj k similaj interflugadis elkrioj de diversaj buŝoj. La tiel salutita viro iom malgaje kapjesis k diris iam k tiam ripete: „Hm, hm, jes, jes, mi nun restos, ne plu foriros, ne, ne."



Interesite mi rigardis la alveninton. Li estis eble kvindekjara, liaj movoj estis kvietaj k malrapidaj, lia voĉo estis basa, sed agrabla. Liaj okuloj ŝtalkoloraj trankvile rigardadis ĉirkaŭen, pacience serĉante elvojon el tiu fatala ĉirkaŭbaro. Fine dissolviĝis la amaso iom k la kolonipasero, kiel la alveninto obstine estis nomata, sukcesis elflugi k baldaŭ malaperis malantaŭ pordo, super kiu estas skribite: Kontoro—Anoncejo.

Post kiam mia najbaro estis sufiĉe esprimınta sian miregon pri mi, verda knabo inter la gildo de stratvaguloj, kiu eĉ ne konis la kolonipaseron, li jenon rakontis al mi:

„La kolonipasero estas kvazaŭ Nestoro inter la germaniaj kolonimigruloj. Kiel deknaŭjara junulo li iam iomete perforte malŝlosis fermitan kampodomon de riĉegulo. Li sciis malkontente, ke en tiu domo multaj objektoj troviĝis, kiuj ne sufiĉe estis uzataj. El tiuj li forportis diversajn por senpere utiligi ilin al si. Pro tiu ago tute ne senlogika sendis lin nekomprenema juĝisto en pundomon, en kiu li devis pasigi kvin belajn jarojn de sia vivo. Fine elveninte li parte ne plu emis labori, parte ne ricevis laboron konvenan.

Do li komencis vivi la liberan vivon de vagulo. De tempo al tempo li ĵetis ankron — iam libervole, iam devigite — en unu el la multnombraj laborkolonioj de Germanio. Pasintjare li festis la dudekkvinan jaron de sia balanciĝado inter diversaj laborkolonioj. Verdire li ja emus restadi ĉiam en la sama kolonio k ĝui tie la laborplenan, sed senzorgan vivon. Tamen li ĝis nun nenie pli longe eltenis seninterrompe ol maksimume tri monatojn. Ĉiam denove oni foririgis lin, iufoje pro tio ke li soife forgesis pri la severa alkoholmalpermeso, kiu en ĉiuj tiaj institutoj ekzistas, alifoje tial ĉar li preferadis promeni sur la vasta erikejo anstataŭ kulturi ĝian malmolan grundon. Nu, tiaokaze li migradis kelkajn semajnojn, gastigis sin ĉe kamparanoj aŭ en iliaj fruktoĝardenoj k frapadis pordon post pordo en urbaj domegoj. Fine li ree petis en iu laborista kolonio pri akcepto. Tiel li nun estas veninta ankaŭ ĉi tien. Lia konstanta kurado inter la diversaj prusiaj kolonioj tiuspecaj havigis al li la moknomon ‚kolonipasero'."

Baldaŭ mi persone konatiĝis kun li. Ni eĉ iom amikiĝis. Li estis trankvila, malrapidema homo kun kelkaj strangaj, nekutimaj ideoj. Cetere li estis ĉiam bonvola k serenhumora k tial de ĉiu ŝatata. Li ne estis multe lerninta el libroj, sed mirige grandaj estis liaj spertoj praktikaj k lia kono pri homaj karakteroj. En ordinaraj interrilatoj kun aliaj li montriĝis tute sobra pensanto kun malvarma koro. Sed ofte ŝajnetis al mi, kvazaŭ li reve vagadus en malproksimo senlima kun siaj pensoj. Ial mi ankaŭ dubis pri tio, ĉu al li fakte la homoj estas tiel indiferentaj kiel li ŝajnigis.

La tempo pasis. Ok semajnojn la kolonipasero estis jam en la kolonio k li ankoraŭ ne ŝajnis pensi pri baldaŭa foriro. La aliaj samsortuloj jam mokis: „Nu,

pasero, ĉu vi vere intencas resti en unu nesto por ĉiam? Ĉu vi ne jam tro longe gastas ĉi tie?“ Sed li nur kviete balancis sian kapon dirante: „Ne, ne, mi ne plu foriros, mi restos ĉi tie, por ĉiam.“

Ĉu mi eraris? Ŝajnis al mi, kvazaŭ el tiu diro sonus malgaja rezignacio, iu neklara antaŭsento.

— — — —

Iumatene la kolonipasero estis malsana, ne povis ellitiĝi. Vere la unuan fojon en sia vivo, kiel li asertis. Je la sepa malpleniĝis la parto malantaŭa de la kolonio, kie loĝas la laborkolonianoj. La laboristoj ekmarŝis en la erikejon por prilabori ĝian ankoraŭ senfruktan grundon. Antaŭe iu el liaj kunuloj estis portinta al li la matenmanĝon.

Nun li estas tute sola. Li baldaŭ enuas. Ĉar lia lito staras apud fenestro, li povas rigardi sur la tiel nomatan „restadejan korton“, en kiu la kolonianoj dum sia libera tempo ludadis k pasigis belajn vesperojn. Sed nun ne estis multe por rigardi, ĉar la korto estis tute malplena. Jen vid-al-vide de li leviĝis alia konstruo, en kiu same estis dormejoj k ludsalonegoj por la koloniaj laboristoj kiel en tiu, en kiu li nun estis kuŝanta. En la dua etaĝo de tiu kontraŭflanka domo troviĝis la pli agrablaj loĝejoj de la kolonigvidistoj k laborgardistoj. La tuta domo nun estis senhoma krom la loĝejo de la kolonigvidisto Janning, kiu havis familion.

Pro enuo k laco la kolonipasero kelkfoje jam endormiĝis. Sed la doloroj ne lasis lin longe dormi. Terura sento de solo k forlasiteco lin ekregis. Li ankoraŭ neniam en sia vivo estis sentinta ion tian, eĉ ne dum sia mallibero en la pundomo. Kaj li ekmeditis pri sia stato. Pro kio li proprasence vivas? Kion donis k donas al li la vivo? Tre malmulte da ĝojoj, sed multege da penoj k suferoj! Kion grandan li estis farinta ĝis nun? Kiel grandiozajn projektojn k revajn planojn iam li nutris en si! Tio estis antaŭ pli ol tridek jaroj, antaŭ tiu fatala tago, kiam li la unuan fojon ekhavis konflikton kun la ŝtata justo, kun la leĝoj, kiuj tiel konvenaj estas por la posedanta klaso, dum ili nur ĝenaj k katenaj estas por la malriĉularo. Estis fatalo! Tiun unuan kunpuŝiĝon kun la leĝoj sekvis baldaŭ pluaj, pli gravaj, ĝis li fine ... Sed kial do reveki la pasinton? Li havis k havas sian vivon, kia li ĝin faris.

Longan tempon li kuŝis rigardante al la plafono k luktadis kontraŭ siaj pensoj. Li diskutis vigle, parte kun la rememoro, parte kun la malgajigaj fantomoj de sia estonto. Ĝis li fine tute laciĝis.

Li ĵus denove estis ekdorminta malgraŭ siaj doloroj, kiam lin subite vekis krioj. Li levetis la kapon k aŭskultis. Jen ree krioj, k nun li opiniis aŭdi plorojn de infanoj. Li elrigardis tra la fenestro.

Dio k diablo! Kio estas tio? Ĉu ne el la malsupraj fenestroj de la kontraŭa konstruo elvenas tutaj nuboj da fumo? Kaj jen, supre ĉe malfermita fenestro, tra kiu ankaŭ iomete da fumo eliras, li vidis du infanojn: La sepjaran knabinon k la naŭjaran knabon de la kolonigvidisto Janning. Kaj la infanoj terure plorkriis k svingadis siajn manetojn. Kelkfoje li povis eĉ kompreni la sencon de la infanaj helpokrioj: F a j r o!

La kolonipasero mem ekkriis la vorton k volis salti el sia lito. Sed terura ekdoloro reĵetis lin. Tamen li venkis siajn dolorojn k rampis el la kuŝejo. Paŝon post paŝo, energie subpremante la dolorsentojn, li iris malsupren sur la korton. El la malsupraj fenestroj de la brulanta domo jam langetis flamoj, dum el la supraj ĉiam pli k pli da fumo elvenis. Kaj ĉe unu fenestro tie supre staris du infanoj k kriis freneze pri helpo!



## Per la forto

E. VEJDENBAŬMS

*L'OPERO al vi*
*Nico, Rivjero,*
*onklinoj, patrinoj,*
*naskiĝotagoj. — — —*

*Mi aŭskultas,*
*kiel kantas metal': —*
*en la fabrikoj*
*maŝinoj zumas,*
*sonas obtuze*
*reloj fervojaj*
*kaj la helico*
*klakas per dentoj.*

*De labor' venante*
*mi min apogis*
*sur feran barilon de l' pont',*
*ĝin karesis. — — —*

*Mia forto kantas en ĉi-metal':*
*obtuze bruas reloj,*
*silentas solene*
*ferponta baril'.*

*Kun fluo elektra*
*tra ferdratoj kuras*
*mia sango, —*
*kaj prilumas*
*prostituinojn*
*en l' opero.*

*L' okuloj sovaĝe ekflamas,*
*kiam ekspreso,*
*elektron ŝprucante,*
*trans feran ponton —*
*trans min —*
*forradegas al Nico.*

*Per strik' ĝenerala*
*kaptegi, haltigi*
*l'ekspreson,*
*aeroŝipon,*
*operon,*
*naskiĝotagojn;*

*elpurigi Nicon*
*de veneruloj*
*— per forto!*

*El la latva kun permeso de l' aŭtoro trad. laŭ manskribaĵo* *M. B. (17 254).*

---

„Ilia patrino certe ne estas hejme,“ pensis la malsanulo, kiam li duonnude staris sur la korto, „k iel estiĝis fajro en la malsupra etaĝo. Nun neniu estas en tiu ĉi parto de la kolonio por alporti helpon al la endanĝeriĝintaj infanoj! Kaj hazarde neniu venas. Tamen, necesas rapida helpo!“

Sed kion fari? Li volis ekkuri en la alian korton, sed liaj piedoj malobeis la ordonon de lia volo. Tio daŭras jam tro longe, li fine diris al si. Kaj li ek-

kriegis kunigante sian voĉon kun tiuj de la malfeliĉaj infanoj. Tamen, kvankam li eluzis sian tutan forton, liaj krioj restis tute senefiaj. Kaj la tempo pasis, la fajro pli etendiĝis, la danĝero senhalte kreskis por la infanoj k neniu venis. Grandaj gutoj da ŝvito falis de lia frunto. „Kion fari, kion fari?“ li murmuretis kelkajn fojojn. Li ankoraŭ ne estis irinta trionon de sia vojo ĝis la loko, kie li povus renkonti homon aŭ esti aŭdata de iu, se li krius, sed jam volis striki liaj piedoj. Li ekhaltis por momento cerbumante.

Subite venis al li ideo: Tri paŝojn de li pendis la korta sonorilo, kiun oni sonorigas por voki la kolonianojn el la litoj, al la laboro, en la manĝejon aŭ al la deviga komuna vizito de la preĝejo. Li kiel eble plej rapide sin trenis al la loko, kie sur la muro estis ligna kaĝo, en kiu pendis mezgranda sonorilo. Por manatingi la ŝnuron, per kiu oni movis la sonorilon, estis necese suprengrimpi ŝtupareton kvarŝtupan.

Per ĉiuj siaj fortoj, uzante sian lastan vivenergion, la malsana kolonipasero suprentrenis sian elĉerpitan febran korpon. Poste lia mano freneze tiradis la ŝnuron de la sonorilo. La sovaĝa sonoregado devis esti aŭdata eĉ malproksime.

Kaj jen, li jam aŭdis la voĉojn k paŝojn de homoj venantaj. Tiam lin forlasis liaj lastaj fortoj, lia tuta korpo ektremis, perdis la ekvilibron k falis peze de la ŝtuparo. — —

Neniu rimarkis lin. Dum li senkonscie kuŝis sur la pavimo, la aliaj homoj faris sian savan laboron al la du infanoj, kiuj duone sufokitaj kuŝis en la dua etaĝo de la jam bruleganta domo.

Post horoj da heroa laboro la kolonianoj sukcesis — helpe de la fajrobrigado dume vokita — venki la detrueman elementon, la fajron.

Nur nun iu rimarkis la kolonipaseron. Tiam oni ankaŭ divenis, ke estis li la atentiginto pri la danĝero. Dank' al la egaj klopodoj rekonsciiĝi lin, finfine li malfermis siajn okulojn. Lia sola demando estis, ĉu la infanoj estas savitaj. Kaj kiam ni tion jesis, gaja rideto beligis lian sulkoplenan vizaĝon kun la purpurruĝa granda nazo.

Li baldaŭ denove fermis siajn okulojn k kelkajn minutojn poste kuracisto konstatis la morton de la kolonipasero.

— — — —

Mi ofte dum mia restado en tiu laborkolonio promenadis eksteren al la malgranda tombejo en malhela arbaro, kie la malfeliĉa heroa kolonipasero fine estis trovinta ripozejon, kiun li dum sia tuta vivo vane serĉadis.

*Skribita de l' aŭtoro je la memoro al liaj klasfratoj malfeliĉaj, la senhejmaj vagantoj k kolonisklavoj, kun kiuj lin ligas iama samsorteco.*

*Rimarkigo:* En Germanio, precipe en Prusio, ekzistas multaj tiel nomataj Laborkolonioj, kie senhejmuloj, senlaboruloj trovas rifuĝejon, en kiu ili devas labori por nura manĝaĵo k plej primitiva vestaro k, se la estraro estas tre kontenta pri ili, tiam ili ricevas premiojn da kelkaj pfenigoj potage — nuran poŝmonon. Krome estas tien sendataj drinkemuloj, por ke ili estu sanigataj de la drinkemo. Ankaŭ homoj, al kiuj pro ilia bonkonduto oni mallongigas la tempon pasigotan en pundomo, ofte devas resti dum kelka tempo en tia laborkolonio. La mastrumado estas kutime en la manoj de religiaj asocioj. Tiuj kolonioj estas ege favorataj de la registaro koncerne impostojn k. a. Ili havas por multaj viktimoj de la reganta krizo k de la terura mizero bonfaran valoron, sed ili estas unuarangaj ekspluatejoj k riĉiĝas treege. Tiaj kolonioj troviĝas ekzemple en Bielefeld, Magdeburg, Bebra k Käsdorf, en kiu lasta la kolonianoj penege k ŝvitegante kulturas k valorigas la ordinare senfruktan grundon de „Lüneburger Heide“ (erikejo). Mi mem pasigis en tia laborkolonio pli ol jaron da senĉesa laborado, — ĉar mi lastatempe estis en la kuirejo, mi neniam havis liberan tagon, eĉ ne dimanĉon — k mi foriris fine kun 4 mk. germ.

Hans Weinhengst.

---



En sudafrika vilaĝo.

# Servisto de Servistoj

D. Dambe

La ĉi sube aperanta historio el Sudafriko estas daŭrigo. En antaŭaj ĉapitroj de tiu ĉi lerte verkita studo, kiuj aperis lastjare en „La Nova Epoko“, la aŭtoro humorplene priskribis la infan- k unuajn laborjarojn de l'sudafrika negrobubo *Klejnboj Tlatleni*, kiu kun ia stoika egalanimeco portas la batojn difinitajn al ĉiu ano de lia raso k kiu tamen estas sufiĉe inteligenta por eklerni per la spertoj k iafoje ruze elturniĝi en por li malagrablaj situacioj. Al la novaj legantoj ni informas, ke en la momento, en kiu komenciĝas ĉi tiu parto de nia historio, Klejnboj estas helpanto en restoracio por indiĝenoj, kiu apartenas al iu s-ro Goldik, maljuna fraŭlo de blanka haŭtkoloro, posedanta komercan koncesion ĉe orminejo. *Red.*

EN la manĝejo la fenestroj neniam estis purigitaj k la segaĵo, kiu kaŝis multe makulitan cementan plankon, estis renovigata nur unufoje dum semajno. Tiaj k aliaj similaj neglektaĵoj, kies foresto estus rezultiginta modelan servon, ebligis al Klejnboj ripozi inter siaj senĉesaj laboroj. Tamen ia breĉo en la ĉiutaga laborrutino estis ĉiam plenigata per la superabunda — k nebonvena — bonfaremo de s-ro Goldik, kiu kredis, ke la unua paŝo en la suprenlevo de la „nature maldiligenta“ negro estas lin trapenetrigi per la laboremaj ecoj de la blankulo. Kial li aplikis la saman taktikon por siaj blankaj dungitoj, tio neniam estis kontentige solvata.

Kutime la ekstraj laboraĵoj de Klejnboj konsistis en la zorgado pri la persona komforto de liaj blankaj kunlaborantoj (estu pardonata la *rilatigo!)* aŭ en la butikoj. Unufoje dum semajno, je la pagtago de la negraj minejlaborantoj, Klejnboj kutime deĵoris ĉe la pordo de la granda butiko.

„Observu la klientojn — precipe la kovraĵumitojn!“ konfidence ordonis tiam s-ro Goldik, aludante pri

*Tkozaoj* k *Msutuoj*[1] kiuj envolvis siajn korpojn per kovraĵoj, k subtile rimarkigis pri liaj ‚akraj okuloj'. Klejnboj ne estis imuna kontraŭ komplimentoj k multfoje havis okazon por pruvi la kapablon de siaj vidorganoj.

Dum unu vespero kliento, elmontrante nedubeblan mankon de sperto en la manipulo de mono, faligis oran moneron, kiu forruliĝis malantaŭ la tablon. Sinjoro Goldik, post rapida konsidero, subite eltrovis, ke la butiko estis malferma post ‚malpermesataj horoj' k aperigante senprecedentan respekton antaŭ la leĝo, li esprimis la deziron ĉesigi la negocojn de l'tago. Propono de la kliento, ke li mem serĉos pri la perditaĵo, estis de la butikisto malakceptita kun samtempa konsilo, ke li ‚venu morgaŭ dum la negocaj horoj'.

Post fermo de la butiko, la helpo de Klejnboj estis varbata k metoda serĉado komenciĝis pri la monero. Klejnboj estis la unua, kiu ekvidis ĝin k, post tio, malgraŭ la energia klopodo de s-ro Goldik k la eksterordinara fervoro elmontrita de lia fidela servisto, oni ne povis lokalizi la serĉaĵon.

En la morgaŭa vespero la kliento revizitis la butikon k certiĝinte, pro la baroj k ĝenoj metitaj kontraŭ li en la serĉo pri lia posedaĵo, ke li ĝin ne plu jam vidos, decidis kompensi sian malprofiton en la formo de pantalono.

Klejnboj alarmis la butikiston k liajn dungitojn k la ŝtelisto, kiu jam sukcesis malproksimigi la distancon inter si k la butiko, estis kaptata k bone pribatata.

En la militema atmosfero tiel kreita, eĉ la humila Klejnboj sentis sin sekura kontraŭ puno k en sovaĝa ekstazo faligis bastonbatojn sur la kapon de la malfeliĉulo. El inter la kolektiĝantoj pro la tumulto nur unu blankulo, najbara botisto, kuraĝis enmiksiĝi favore al la krimulo.

„Je dio, lasu la kompatindan kafraĉon!“ la bonintenculo ekkriis, direktante minacantan pugnon al Klejnboj. „Kaj vi — vi nomas vin ‚blankaj homoj'?“ sin turnante al la butikistoj li abomene aldonis.

Okaze de la maldecidemo ĉe la anaro, ĉu direkti la pribatiton al karcero aŭ hospitalo k ties iom pli faciliĝinta pozicio, dank' al la lasta bastonbato de Klejnboj, kiu falis sur la manon de s-ro Goldik anstataŭ sur la celitan kapon, li, post ŝajnigo de eksveno, liberiĝis k forkuris.

La sekvantan tagon s-ro Goldik faris pluajn — k vanajn — klopodojn por trovi la perditan moneron. Fine li konfidis al siaj blankaj helpantoj la opinion, samtempe rezervante por ili suspektoplenan rigardon, ke povas esti nur *unu*, kiu alproprigis al si la monon k ĉagrene deklaris — la doloranta mano instigis al tono de emfazo: „Kia malhonestulo — li ĉe mi ne plu laboros!“

*

[1] Indiĝenoj el la Kapkolonio.



Sen kredo al universala provizisto Klejnboj sufiĉe facilkore akceptis la maldungon: la sento de frateco ĉe liaj samgentanoj, perdinte nur tre malmulte da ĝia efiko en ilia kontakto kun la etiko de la blankulo, ebligis al li akiri manĝrestaĵojn, jen tie jen alie, sufiĉe por lin vivteni dum senokupa tempo. Malpli bonŝanca li estis rilate la akiron de dormejo. Nur malofte li havis bonŝancon tranokti en ŝirmita, tro malvasta k tre malkomforta kameraĉo, en ia malpurega korto, k kutime sin direktis por noktripozo al la drentubegoj malantaŭ la urbo. Tie kolektiĝis ĉiam konsiderinda nombro da indiĝenaj senlaboruloj k malfeliĉuloj, almenaŭ en plena sekuro kontraŭ la turmentadoj de aparte agema policanaro: la majesta personego de Justeco, en la deziro solvi akutan problemon laŭ plej oportuna metodo, por unu fojo fermis ankaŭ sian duan okulon.

Li trapasis senspiritan ekziston: nepenetrebla vualo de nekonscio apartigis lin de la pli altaj nuancoj en la vivo. Foje la dia spirito ektuŝis lin iomete. Dum sia irado li renkontis trupon da kantantaj genegroj, kiun antaŭiris muzikistaro k standardo. La anoj de la trupo, ne embarasitaj per sento pri deco, kiun posedis la blankaj gefratoj de la sama religia sekto, elmontris tian verv-metodan konduton, ke Klejnboj, en kiu vekiĝis io hejmeca, baldaŭ ilin sekvis.

Sed ve, la diablo insidas kontraŭ senpekuloj! Preterpasante minejbarakon, la religiuloj devis suferi ĉikanojn k efikoplenajn parodiojn fare de aro da Tkozaoj, iam vizitintaj misian lernejon, kiuj forlasis la pian atmosferon sekve de pli forta altirforto — k bezono — de l'industria mondo. La trupo elmontris ege kreskantan fervoron; sed, je konvena distanco, la mokuloj, nun plene nudiĝintaj, efektivigis maldecan k malgracian dancon k Klejnboj, ne havante la solidan fortikon de la fideluloj, cedis al pli potenca influo k hontante retiriĝis.

Unu vesperon li preterpasis kunvenon el negroj. Li miris pri ĉeesto de blankuloj sur la estrado, inter ili iu, li pensis, kiun li konis en Grasfont. Estis ankaŭ standardo. Li aŭskultis al parolado en iu indiĝena lingvo. La oratoro kriis strangajn vortojn pri „pasportoj“, „Afriko“, „registaro“ — sed li ne komprenis kaj foriris.

Kaprica fortuno malvolonte donacis el sia trezorejo al Klejnboj. En siaj vagadoj dum laborserĉo nur unufoje li profitis sen perlabori k baldaŭ devis redoni sian malhonestan akiraĵon.

Malgranda servo al ĉina butikisto kondukis lin al la plezuriga, sed ne daŭra konatiĝo kun s-ro Jordan. Tiu ripozis sub la verando, kiam Klejnboj per puŝĉareto liveris ĉe la pordo iom antaŭe menditan sakon da karbo. S-ro Jordan, laŭ reguloj de kutimo, faris la eraron sendistinge apliki faman matematikan formulon ekster ties natura sfero, k transdonis funton sterlingan al Klejnboj kun ordono: „Jen, aĉetu paketon da cigaredoj ĉe cia ‚baas'[1] . . . estu rapida — k reportu la monreston!“ Subita k maltrankvila konsciiĝo pri la trolonga foresto de la sendito igis lin viziti la butikon. La ĉino ĝojis vidi sian konstantan klienton.

„Kie estas cia negro? . . . ne, ne tiu!“ senpacience eksvingis s-ro Jordan la manojn, kiam alvoko de la butikisto ĉeestigis lian serviston. „Kie estas cia kafraĉo, kiu liveris la karbon?“

Kun iom da malfacilo la ĉino klarigis al la furioziĝinta homo, ke dum momenta foresto de sia propra servisto li trovis preterpasintan negron, kiu akceptis — por rekompenco de cigaredo — plenumi la taskon; ke la nuna restejo de tiu komplezema indulo ne estas konata al li.

[1] Mastro, sinjoro.

Kvankam li sciis, ke al la plimulto da blankuloj ĉiuj negroj aspektas kiel ŝafoj al urbloĝanto, konsiderinda tempo forpasis, ĝis Klejnboj riskis vidiĝi sian personon en tiu ĉirkaŭaĵo.

Dume en ĝoja medito pri la eventuala elspezo de la gajnaĵo, valoranta plenan dusemajnan laboron, li tute forgesis pri renovigo de l'pasporto necesa por serĉi laboron k la saman vesperon estis memorigita pri tio de ĉie alestanta figuro de la leĝo. La policano, evidente kun negocistaj emoj, proponis, ke por eviti malagrablaĵojn ĉe policejo, Klejnboj transpagu surloke la necesan monpunon k por la dua fojo la monero de s-ro Jordan ŝanĝis posedantojn. Klejnboj antaŭeniris, pli malgaja, sentante sin tamen pli sekura. Sed kelkajn stratangulojn pli fore la serĝento de la sama rondiro povis nur kun peno kredi pri lia certigo, ke li jam punpagis antaŭ kelkaj minutoj.

Li tranoktis en policejo, sed post enketo forlasis ĝin en plej feliĉa humoro: li estis informita, ke li revenu por atesti kontraŭ erariĝinta membro de honorinda institucio.

*

Li ne kapablis sekvi la detalojn de la proceso k neniu konsideris grava al li konigi, ke li helpis en la faligo de unu malamiko de la senpasportularo. Dum li estis forlasanta la policejkorton, sin turnis al li unukrura gigantino, kiun Klejnboj neniam antaŭe renkontis.

„Ci tre amas policanon, ĉu ne?" ŝi moke ridetis, observante lin akre.

La cirkonstancoj postulis, ke li malfidu al ĉiu blankulo k li atendis pluan elvenaĵon.

„Se ci deziras laboron, jen adreso . . . enketu pri sinjorino Smitl — tio estas mi."

Dufoje — dank' al informoj ricevitaj de blankuloj — Klejnboj promenis tra la urbo de unu punkto al alia, ĝis fine li atingis la loĝejon de sinjorino Smitl.

La surprizo pri tio, kion li vidis fariĝanta sub la tegmento de sia nova dunganto, nur estis superata laŭgrade de la plezuro, kiun li estis ĝuonta tie. La evidentaj avantaĝoj labori ĉe alkoholaĵ-vendisto estis tuj videblaj k Klejnboj decidis, ke ne estos lia kulpo, se esceptante neantaŭvideblajn kaŭzojn, sinjorino Smitl ne restos lia dunganto dum daŭra tempo.

Kaj tiel estis. Sinjorino Smitl, krom tio ke ŝi distingis sin mem en la vendado de l'malpermesita likvaĵo — ŝi jam suferis tri- k sesmonatajn periodojn da malliberejo — loĝigis ĉe si aron da personoj kun samprofesia tendenco. Komenciĝis per ĉies estrado super la negra servisto k finiĝis, ke Klejnboj alprenis mienon de necesegulo. La neeviteblo sekvis.

Klejnboj sentis sin feliĉa: ebriiĝi iufoje senĝene k senpune, estis por li nova sperto k inspiris lin per memgravo, kiun li ne hezitis esprimi antaŭ siaj konatoj.

Malfidinda kunuleco inter la loĝantoj de sinjorino Smitl igis lin erare taksi la valoron de la blanka homo, ambaŭ specojn, la indan k malindan. Venis la tempo, kiam li eĉ forskuis ĉian timemon, k en vespero iradis ekĝui la menuon provizitan el nigra societa centro aŭ el alie.

Tiucele li foje interrompis kartludon en la saloneto de sinjorino Smitl, kiam ĉi lasta estis for.

„Jes, nigra simiaĉo, kion ci bezonas?" iu ekdemandis.

„A-aĥ!" eligis Klejnboj malrespekte. „Donu al mi ‚permesilon', sinjoro Penroz — mi volas viziti cirkon!"

„Jen, Stevens, skribu por la ‚malbenata kafro' ‚permesilon'!" bonhumore turmentetis sinjoro Penroz, turnante sin al sia ludkolego.

Stevens skribis k laŭtlegis: „Hieraŭ la portanto de tiu ĉi ‚permesilo' ŝtelis pantalonon, en kies poŝo trovigis nemalfermita botelo da viskio."

Ĉiuj ekridegis k iu el la grupo elkriis:

„Antaŭan tagon ĉe mi mankis paro da ŝuoj!"

„Neniu tuŝis viajn aĵojn — vi mem ŝtelaĉas unu ĉe la alia. Skribu! Rapidu, mi volas iri!"

„Donu al li ‚permesilon' k li iru al diablo!" insistis Penroz.

Stevens legis:

„AL KIU ĜI KONCERNAS. Bonvolu permesi al la portanto, indiĝeno Klejnboj, ĝisiri la cirkon k reiri. Via fidela,
Sinjorino Smitl."

„Jen!" Stevens svingis la papereton. „Kaj ne forgesu, ke ci ŝuldas al mi pro unu pantalono k la viskio!"

„Jes, certe, mia ‚baas' — ĉion mi pagos!" provoke mensogis Klejnboj, facile evitante botpinton k elrapidis.

„Strange!" ne sen bedaŭra tono ekdiris Stevens. „Se oni ne estas ekzercita kiel fipolicano, estas preskaŭ neeble piedtrafi negron. Ili kvazaŭ naskiĝas konsciante, ke ili estos piedfrapataj. Kiu el vi volas viziti la cirkon?" li enketis iom poste.

„Kio! *sidi* kune kun odoraĉantaj negroj k negrinoj! Ne mi!" iu abomene ekrifuzis.

„Ruben nur *kuŝas* kun ili!" Penroz senzorge atentigis.

„Sangumita mensogulaĉo!" estis la arda protesto.

„Mi vin observis!" avertis Penroz. „Tamen ne gravas, persone mi eĉ rilatus kun sinjorino Smitl prefere ol kun negrino. En la cirko la negroj estas sidigataj aparte. Oni devas zorge gardi la prestiĝon de l'blankulo."

„Kaj ĉiu scias, kial sinjorino Smitl perdis sian kruron!" respondis Ruben, ĝoja por trovi ŝancon kontraŭ sia kritikanto.

Dume sinjorino Smitl, en feliĉega nescio, ke ŝi estis objekto de intima konversacio, revenis hejmon ĝustatempe por reteni sian serviston pro kelkaj domaferoj.

Lambastono, al kiu li neniam povis alkutimiĝi, agis kiel fingro por montri plenumotaĵojn al la ofendiĝinta negro. La aferoj transpasis la limon de lia pacienco, kiam la montrilo senintence kontaktis kun unu el liaj ripoj. La florvazo falis pli proksime al la celo ol Klejnboj en sia furiozo intencis k la kriego de l'timigita sinjorino Smitl altiris la kartludantaron.

„Jen pro atenco kontraŭ blanka virino, ci nigra porkaĉo!" —

„Eble provo perforti? — la ebriigita besto!"

Ĉiu konsideris deviga ‚instrui' al la sovaĝulo bonkonduton.

Ili flegis la kruele pribatitan homon per tiaj rimedoj, ke post kvin tagoj Klejnboj esprimis la deziron foriri.

„Atentu mian konsilon, Klejnboj!" diris sinjoro Penroz. „Ci scias tro multe pri niaj aferoj — iru hejmen k neniam revenu!"

„Mi iros, tamen mi revenos!" respondis la nelacigebla Klejnboj.

„Bone, se ci revenos, ci forrampos por mortaĉi kiel vundita bestaĉo al la sojlo de cia naskiĝloko!" profete deklamis la blankulo.

„Ne, ‚baas', tiel ne estos — certe mi revenos!"

Li foriris, kiel li venis, nerimarkite, neaŭdite. Pri la blanka raso li nenion lernis krom malbono: ĉar en tiu ĉi urbo, kie la religio k la moralo de l'blankulo estis predikata de multaj katedroj, k kiu portis ĉiujn signojn de pufigita civilizo, la bono estis zorge forkaŝita malantaŭ la potenco de materiaj interesoj, inspirita per frazo, kiun verkis barbaro antaŭ kelke da jarmiloj.

# VERSAĴOJ PRI BALTIO

Kazis Boruta

I

PEJZAĜO DE BALTIO

*EN ventega vespero*
*Suno dronis en Baltio.*

*Fiŝistoj de sukceno*
*Naĝis sunon trovi.*

*Dum nokto muĝadis Baltio.*

*En ruĝmateno*
*Fiŝistoj de sukceno*
*Trenis sunon al bordo.*

II

MALLIBEREJA DEMOKRATIO

*BALTIO. Maro. Krepusko en vilaĝoj.*
*Ĉirkaŭe — arbaroj verdaj.*
*Libere ŝteladi per demokratio k leĝoj.*

*Baltia, Baltia, Baltia.*
*Marĉo ci estas, ne maro.*
*Pinoj pro honto sur bordoj pentas*
*Kaj ci, —*
*Ci ĝis nun nur staras k pensas.*
*Kiel dum jarcentoj batalis Baltio*
*Por esti libera,*
*Libera kiel ci, Baltia maro.*

*Liberon ŝtelis demokratio.*
*Malliberejoj sur bordoj de l'maro.*

III

KANTO DE BALTIAJ VENTOJ

*KUN ventoj kantis Baltio,*
*Per fulmoj kantos Baltio.*
*Kruda mizero kantojn semas,*
*En tondroj rikolto venas.*

*Sonoru en Baltio*
*Libera*
*Kanto,*
*Libera kiel Baltio.*

*Dum rikolto trenos Baltio,*
*Dum rikolto fulmegos kampoj.*

*Tondrego!*
*Tondrego!*
*Tondrego!*
*Jam longe ni ne vidis cin,*
*Jam longe ci ne venis al ni.*

*Sonoru en Baltio libero,*
*Libera kanto*
*De l'libera tondrego!*

El la litova lingvo trad. *K. Vincas.*

K-do Kazis *Boruta* estas unu el la plej talentaj proletverkistoj en Litovo. Dum la jaro 1927 li devis pro sia politika aktiveco en bataloj kontraŭ la faŝismo forlasi la patrion. En tiu tempo li verkis sian poemaron „Litovio sur krucoj", kiu estas la plej bela ornamaĵo de l' litova literaturo.

Lia versmaniero estis bazo por literatura movado „Tria Fronto", kiu nun de l'faŝisma registaro estas sufokita.

Ankaŭ estas notinde, ke inter la esperantista poeto *H. M. Ĥrima*[1] k *K. Boruta* laŭ versmaniero k enhavo estas multaj samaj trajtoj. Ambaŭ estas junaj, ambaŭ ĉefe kantas pri l'ruĝa, batalanta vilaĝo. *La tradukinto.*

---

*Al E. Zakrevskaja.*

# LA SENILUZIIĜO

EMBA

LA aŭtuno kvazaŭ timiga monstro naĝis super la pejzaĝo. Teruraj pensoj enflugis tra la malgrandaj fenestroj de la laboristaj domaĉoj en la bieno k sulkigis la fruntojn de la laborturmentitaj homoj, kiam ili malfruvespere mortlacaj alveninte hejmen vidis, ke mankas ŝuoj, vintraj vestoj por la malsatsuferintaj etuloj.

Onklino Suzana sidis ĉe mizera lampolumo en la ĉambro. Antaŭ ŝi sur la tablo kuŝis malfermita la biblio. Sur la muro pendis muŝ-malpurigita krucifikso. Laŭŝajne ŝi legis la „Sanktan Skribaĵon", sed fakte ŝi pensadis. Ŝi simple kalkulis:

„Antaŭ du monatoj la dio vokis al si mian edzon. Li servis besthoneste dum dudek kvin jaroj en tiu ĉi bieno k nun, du monatojn post lia morto, oni jam volas min forpeli el tiu ĉi loĝejo. Kion fari? Mi ĉiam diris al la maljuna azeno, ke li ŝtelu, trompu. Li havis la okazojn, sed li estis beste honesta. La lasta rimedo, por resti ĉi tie, estas tiu ĉi kaprica knabino. Sed ŝi kontraŭstaras. ... Kion mi faru? Dio mia permesu, ke efektiviĝu mia plano! Ŝi ne volas ... kvankam mi edukis ŝin dum dek kvin jaroj. ... Se la agronomo povus ŝin vizitadi ... ho .. ho .. ho .. mi povus resti en la loĝejo k vivus bone. ... Sed mi devigos ŝin! Ŝi donadu kelke da kisoj al la agronomo ... do k ankoraŭ ion. ... Kaj la tuta konvencio! .. ha! .. hehehe! ... Dio min helpu! ... Mi aranĝis bone. Feliĉe ŝi estas religiema. ... Bravulo estas la agronomo. Li estas la amiko de la sinjoro pastro. Belega eltrovo! La sinjoro pastro dum konfespreno diros al ŝi, ke ne estas kulpo la amo en la nuna okazo ... hehehe!"

Post tiuj ĉi pensoj, la maljunulino krucsignis sin kelkfoje dum la pretiĝo por enlitiĝi k estingis la lampon en tiu momento, kiam la bela Katjuŝa aŭdigis timkrietojn sonĝante pri la agronomo, kiun ŝi abomenis.

La sekvintan tagon Katjuŝa iris al la konfesprenejo. Ŝi sentis, ke tute forestas pekoj por pardonigi, sed ŝi estis edukita laŭ religiaj instrukcioj k krome ŝi esperis ricevi almenaŭ konsolon por kuraci siajn turmentojn. Ŝi konis la intencon de sia onklino k abomenis ŝin

[1] *H. M. Ĥrima*, Poemo de l'Plugisto; SAT-eldono, 64 pĝ. Prezo: 0.50 mk. g.

same kiel la agronomon, sed samtempe ne forgesis la dekkvinjaran edukadon, kiun ŝi ricevis de la virino. Ŝi baraktis. Ŝia simpla animo laŭlitere akceptis la instruojn de la biblio, kvankam la prudento konsilis al ŝi forlasi la maljunulinon pro ŝiaj malhonestaj instigoj k perfortoj, sed malgraŭ tio, en ŝia animo eknaskiĝis la flamo de la kompato. Ŝi volis rekompenci la dekkvinjaran edukadon, sed ne sciis kiel kontraŭstari la persvadon de la maljunulino.

Ŝi esperis ricevi konsilojn de la pastro, kiu estas la helpanto de la malfortuloj k la patro de la animoj.

Katjuŝa staris en la vico, inter la busŝmovantaj maljunulinoj, antaŭ la konfesprenejo. Kiam ŝi sekvis por eniri, ŝi jam estis pripensinta laŭvice, kiel ŝi rakontos al la sankta patro siajn malbonan situacion k turmenton. Ŝia animo jam antaŭe ricevis ian fortan trankvilon. Ŝi firme kredis, ke post iom da tempo ŝi jam havos protektanton, kiu helpos al ŝi por eliri el la abomeninda situacio k montros la vojon kiel kontraŭstari la maljunulinon, por kiu, malgraŭ ŝiaj aĉaj kalkuloj, Katjuŝa eĉ volonte laborus.

Ne priskribebla estas la mirego de la simpla, bonanima Katjuŝa, kiam anstataŭ la atendita konsilo k helpo ŝi aŭdis la dirojn de la pastro post sia rakonto:

— Mia kara filino! la situacio estas vere malbona, sed ni devas fidi Dion. Via onklino estas maljuna k vi devas helpi subteni ŝin. Tion ordonas Dio. Vi ne forgesu, ke ŝi multe klopodis, penis dum dekkvin jaroj edukante vin. Vi devas rekompenci ŝin, eĉ se tio postulas oferojn. La amo ne estas kulpo en la kreiĝinta okazo. Bona katoliko submetas sin al la „Dia volo", eĉ se tio postulas suferojn, dolorojn. Kio estas la doloroj? — Nur pasemaj momentoj sur la tero, kiuj certigas al ni la postmortan feliĉon. Pripensu, kien vi irus, se vi devus forlasi la bienan loĝejon? . . . Vi estas mallerta, via onklino estas senpove maljuna. Vi pereus ambaŭ en la krueloj de la vivo. Mi konsilas al vi, ke vi estu afabla al la agronomo. Vi estas bona kristanino k vi devas redoni al via maljuna onklino, kion ŝi donis al vi dum la dekkvinjara edukado. Vi devas savi ŝin. . . .

Katjuŝa mire aŭskultis. Ŝiaj okuloj pligrandiĝis. En la kapo cirkulis pensotumulto k la koro forte batadis. Ŝi atendis tute aliajn vortojn de la pastro. Ŝi atendis, ke la pastro kondamnos la aĉajn instigojn k persvadojn de la onklino, sed li eĉ vorton ne diris koncerne tion. Anstataŭe li konsilas submetiĝi, obei. Ne tiel instruas la „Sanktaj Skriboj". La leĝoj de Dio diras, ke estas kulpo esti ies konkubino k la pastro la malon diras. Kie estas la vero? Ĉu trompo estas la tuta „Sankta Skribaro", la tuta religio? En la unua momento ŝi ektremis pro ĉi tiu penso, sed kiam ŝi rememoris la frazon de la pastro? „La amo ne estas kulpo en la kreiĝinta okazo" — ia abomeno ekregis ŝian internon. Ŝi jam ne plu aŭskultis la dirojn de la pastro, ĉar freneze galopis la pensoj en ŝia kapo. Ŝi memoris plurajn okazojn k vidis, ke la pastroj laŭ sia volo aŭ plaĉo klarigas la ordonojn de Dio. Ŝi ploris. Estis doloriga por ŝia koro la seniluziiĝo. Ŝi vidis, ke kion ŝi kredis ĝis nun, tio estas nur frazaro klarigebla laŭ la cirkonstancoj.

Kolerego ekregis ŝin. Ŝi ne estus povinta klarigi, kontraŭ kiu ŝi koleras pleje, ĉu kontraŭ la pastro? ĉu kontraŭ la „Skribita Frazaro"? aŭ eĉ kontraŭ si mem? Io terure klariĝis antaŭ ŝi. Ŝi estis trompita. Ŝin oni edukis per mensogoj, kiujn nur la diroj de ĉi tiu pastro konigis al ŝi laŭ iliaj veraj vizaĝoj. Tio ĉi doloris al ŝi, sed samtempe nemezureblan abomenon k malamon vekis en ŝi.



La vendo je la sklavino (Fabio Fabbi).

— Neniam! . . . neniam mi estos la konkubino de la agronomo! — ŝi diris k poste per firmaj paŝoj forlasis la konfesprenejon.

Ŝi ne haltis en la preĝejo, sed rekte iris al la elirejo.

Mirinde! kiam ŝi preterpasis la sanktajn pentraĵojn, kvazaŭ subita ventblovo venis en ŝian kapon la penso, ke tio estas nuraj bildoj k la samtemaj alternas laŭ la bontrovo de la diversaj pentristoj. Koloroj, kolorŝanĝoj de homoj.

Katjuŝa eliris el la preĝejo. Ekstere tusis ŝin la malsekeca aŭtuna aero. Preterpasante la domon de la pastro, ŝi vidis, ke la servisto de la agronomo plenajn sakojn portas el veturilo tien. Konjekto trafulmis ŝian kapon. Ŝajnis al ŝi, ke tiu ĉi sceno k la diroj de la pastro iel koincidas. Miksaĵo el abomeno, kolero k malamo ekregis ŝin. Ŝi sentis, ke en tiuj sakoj estas la pago por la diroj de la pastro. Ŝi havis emegon reiri en la preĝejon k antaŭ la ĉeestantoj laŭte krii al la pastro:

— Fripono! Mensogulo! Falsisto! Uzurpisto! Liveranto de knabinoj!

Alveninte hejmen, ŝi trovis sian onklinon sidanta ĉe la tablo k leganta la biblion.

— Dio gardu vian puriĝintan animon, en la estonto! — salutakceptis ŝin la maljunulino.

La vangoj de Katjuŝa ruĝiĝis ĉe la aŭdo de la vortoj k ŝi ne plu povis reteni sian koleregon. Firma decido ekregis ŝin. Ŝi furioze kaptis la „Sanktan Skribon" k plenforte ĵetis ĝin al la planko, poste piedpremis ĝin, kriante al la maljunulino:

— For, for el viaj manoj tiu ĉi libro! Knabinvendantino! Fiperantino! Mi ekdivenis vian komploton kun la pastro k agronomo. Vi estas ĉiuj abomenindaj. . . . Per mia korpo vi ne aĉetos la bonvolon de la agronomo. . . . Via dio estas sensencaĵo, mensogo, kiun la pastroj uzas kontraŭ knabinoj por fari el ili konkubinojn de agronomoj. — Ŝiaj vortoj plenigis la mizeran ĉambron k la lipoj de la maljunulino tremis, sed ŝi eĉ vorton ne kuraĝis eligi, vidante la justan koleregon k abomenon de Katjuŝa.

Katjuŝa daŭrigis:

— Ne plu mi kredas vian dion; mi abomenas viajn pastrojn. . . . Neniam, neniam mi estos la konkubino de via agronomo! Neniam mi lasas vendi mian korpon per la helpo de aĉaj pastroj. Mi havas manojn, mi perlaboros mian vivtenon. Mi estus laboronta ankaŭ por vi aĉulino! — Post tiuj ĉi diroj Katjuŝa dignoplene k malestime alrigardis la maljunulinon. Tra la fenestro radioj enŝteliĝis la mizeran ĉambron. La palaj, sed ne falsitaj koloroj de la aŭtunaj sunradioj fosforeskis sur la bela frunto de Katjuŝa. En tiu ĉi bildo, malgraŭ la zorgoplena aŭtuno, estis io printempeca.

La brusto de Katjuŝa rapide leviĝadis pro la ekscitiĝo k kelkajn minutojn poste la palaj sunradioj kolorludis sur la el ŝiaj belaj okuloj perlantaj larmoj.

Katjuŝa ĵetis sin sur la mizeran litbenkon k laŭte ekploris. Kial? — Ŝi ploris pro la subita seniluziiĝo. Ŝi ploris pro la ĝojo, ke ŝi trovis la propran vojon, sur kiu ŝi ekpaŝis k iros estonte ne erarigate de mensogemaj gvidantoj, animgarduloj.

---

# LOĜEJO N-o 32

*Rakonto de* VERA INBER.[1]

## I.

LOĜEJO n-o 32 estas eksterordinare dense loĝigita, k tion ĉi oni povas konstati jam en la antaŭĉambro. Tie antaŭ la enirpordo estas aranĝita luksa tendo el kalikotaj litotukoj sur ŝnuraj bazoj. En ĝi kaŝas sin senfortiĝanta kanapo, sur kiu lokiĝas civitanino Tatiana Popova, ĉambristino. Plie en la koridoro loĝas biciklo, tre maljuna k tre kolera. Ĝi puŝas per la akra kubuto ĉies flankon k per la pedalo kaptas jupojn. En la loĝejo n-o 32 de N-a domo de VCIK[2] loĝas multo da diversaj homoj. Interalie — mi.

Mi enloĝiĝis post ĉiuj, kiam la loĝantaro jam formiĝis. Min oni akceptis kun estimo, sed malvarme, tre malvarme. La virinoj min ne ekamis pro malfrua tagmanĝo. Ili longe toleris, sed fine sendis al mi delegitaron: Esfir Abrámovna'n k tatarinon Dina'n. En la vosto iris Tatiano, la knabino el la kalikota tendo.

— Ni al vi.

— Bonvolu. Pri kio estas la afero?

Intervenas Esfir Abrámovna ne sen malico.

— Kvankam vi malofte vizitas la kuirejon, sed vi, kredeble, scias, ke ni hejtas la kuirfornon laŭvice.

— Jes, certe.

— Do bone, sed vi tagmanĝas tro malfrue.

— Ĝuste ne kiel homoj, — ekspiras Tatiana.

— Vidu, — parolas mi kulptone, — mia edzo, li, vi scias, malfrue liberiĝas. Li oficas en unu el tiaj sciencaj institucioj . . . Do tie, vi scias, oni malfrue . . . Sed kial do tio ĉi al vi . . .

— . . . malhelpas, eĉ tre malhelpas, — diras ĉiuj tri.

El la plua disvolvo de la konversacio klariĝas, ke nia kuirforno ne estas simpla kuirforno, sed kun kapricoj, k hejti ĝin scipovas nur sola mia servistino, ne Tatiana, sed alia. Kaj, ke ĉiuj atendas nome ŝin. Sed, ĉar ni tagmanĝas malfrue, do tio ĉi ne taŭgas.

— Ne kuirforno, sed Sodomo k Ĥomoro, — rimarkas Tatiana. — Vi metas en ĝin spliton bonan, sekan, sed ĝi ekflagras, ekpalpebrumas k estingiĝas.

— Kaj poste, atentu, — parolas Esfir Abrámovna, — se vi komencas hejti je la kvara — por ni estas malfrue. Sed, se la unuaj hejtas ni, fulgo, fumo, neorganizita valvo, k via Daŝa venas jam al preparitaĵo.

— Jes, — diras mi, pripensinte, — mi ne scias, kion fari. Ni estas devigataj kuiri sur primuso[3]. Aliel mi ne vidas . . .

— Sur primuso vi ne rajtas. Vi devas hejti la kvinonon, tiam ankaŭ ni, eble, ekdeziros kuiri sur primuso.

— Eble, — konfirmas mi.

— Bona afero, sed kie do enbaki bovidan piedeton?

— Ankaŭ feltbotoj devas sekiĝi en la forna ŝranko.

— Mi petas vin, — parolas mi, — decidu, kiel vi volas. Ĉion, kion vi decidos, mi plenumos.

Malfrue nokte mi venas hejmen. La loĝejo dormas. Timigante blatajn amaskunvenojn, mi prenas akvon en la kuirejo k aŭdas trans la mureto incititan voĉon de Esfir Abrámovna:

— Sur primuso. Sed kie do enbaki la piedeton? Senpartia etburĝino.

## II.

Mi komprenas, ke mi facile estas obeema k disciplinita. Mi havas Daŝa'n, mi havas grandan spertotempon: longjara estado en eksterlandaj pensionoj. Tie la homoj estas bonaj k afablaj, ĉar al ili estas oportune vivi, ĉar ili legas Anatole Frans (France) k rigardas tra diafanaj fenestroj la nebule bluajn lagojn.

Matene disvastiĝas en la loĝejo n-o 32 de N-a domo de VCIK terura malbonodoro. Haroj moviĝas sur la kapo k ĉe la samovaro elfalas krano pro teruro. Tie ĉi brulas en la fornoŝranko feltboto de Tatiana Popova, la knabino el la kalikota tendo. En la sama fatala horo rompiĝas elektrolampeto en la banĉambro, senigita de kruela arkitekto de dia lumo. Kaj dume kriegas en la banĉambro per sapo blindigita homo, K-do Gurvic el Narkomfin[4], k vane serĉas viŝtukon k hoketon, k dum ĉiuj kliniĝis super la duonforbrulinta feltboto k portas ĝin sur pleto al la akvo. Tra la pordo, el kiu ĵus eliris

[1] Nekonata ekster Sovetio nuntempa verkistino.

[2] VCIK — Tutrusia Ekzekutiva Komitato de Sovetoj. — *Rim. de l'trad.*

[3] Konata petrola forneto por kuirado. — *Rim. de l'trad.*

[4] Narkomfin — Popola Komisario de Financoj. *Rim. de l'trad.*

laktistino, penetras nekonata maliculo k ŝtelas du primusojn k porkan flankon, pezantan kvarfuntojn. Tie ĉi, preskaŭ antaŭ ĉies okuloj. Tiam aperas K-do Berejkov.

Inter K-do Berejkov k mi ekzistas delonge jam malafablaj rilatoj, rilatoj abomenaj. Tio ĉi estas la vundo de mia koro, ĉar K-do Berejkov estas juna, grizokula, severa k malgaja. Ĉar ĉe li mistere malaperis la edzino, lasinte al li infaneton, ankaŭ grizokulan, komunisteton tri jarojn k duonon aĝan, kun nomo Spartako, kiun ĉiuj, krom la patro nomas Senja. Ĝuste pro Spartako ĉio okazis.

Transloĝiĝinte en la loĝejon n-o 32 de N-a domo de VCIK, mi ekamis Spartakon, kvankam li havis grandan mankon: li ŝatis malfermi la stratan enirpordon. Matene, vespere, tagmeze, post ĉiu sonoro, post unu, du, tri, post du mallongaj k unu longa k inverse, post frapo per pugno — Spartako kun bruego kurflugis tra la koridoro k, faligante la biciklon, kuris ĝis la pordo k kriis:

— Kiu estas tie?

Poste li komencas klopodi pri la seruro k, ne venkinte ĝin, kun la sama bruego kuris reen por voki sian onklinon Pelgeja Miĥailovna. Kaj ĉar mia ĉambro troviĝas najbare de la enirpordo, mi ĉion ĉi aŭdis.

Unufoje matene mi havis kun Spartakon konversacion:

— Vi estas bona bubo, eksidu. Al kiu vi hodiaŭ matene malfermis la pordon?

— Al leterportisto.

— Bravulo. Jen tial ricevu bombonon.

— Mi ĉiam malfermos.

— Kaj mi ĉiufoje donos al vi bombonon. Sed aŭskultu bone, Spartako. Se vi ne malfermos la pordon, mi ĉiufoje donos al vi po du bombonoj. Ĉu vi komprenis? Ĉu vi komprenis, K-do Berejkov la malpliaĝa?

Kaj, karesinte lian blankrozan kapeton, mi diris al li mian plej ŝatatan k karesan vorton: — he, vi, simio.

Tiam aperis K-do Berejkov la pliaĝa. Li ekaŭdis la vorton simio, rilatigitan al lia filo, k, nekompreninte eble la tonon, furioziĝis.

Liaj akraj okuloj, okuloj de meĥanikisto, okuloj de subiganto de maŝinoj k virinoj (nur la edzinon li ne subigis), ekbrilis kontraŭ mi el sub dentece ŝtalaj okulharoj.

— Mi petas vin, K-dino, — elparolis li kun tremo en la voĉo, — mi petas ne tuŝi mian filon k ne ofendi lin per bestaj nomoj. Ĉu vi komprenis? Ĉi tiu loĝejo estas komunuma. Kaj, se burĝdevenuloj enrampis ĉi tien, tiam ili devas konduti konvene. Ĉu vi komprenis?

Kaj jen en tiu ĉi mateno de malbonodoro, mallumo k krimo, K-do Berejkov, ne sukcesinte ankoraŭ ekiri al la oficejo, reaperis. Mi forgesis diri, ke K-do Berejkov post sia filo Spartako, pli multe ol ion ajn en la mondo amis primusojn. Li havis da ili du: flavan primuso k blankan optimuson. Ili brilegas, kiel metalaj partoj de nova aŭtomobilo.

Ĉu estas mirinde, ke en la horo de la malapero de l'primusoj K-do Berejkov, malatentante foriron al ofico, aperas en la kuirejo? Aperas ankaŭ mi.

Tatiano, la kalikota knabino estas terurita.

— Kiel nur li enkuris ĉi tien, dio sinjoro mia, kia vivo estiĝis! Nur mi turnis min al la krano, ĝuste li enkuris. Kaj la kuirforno tie ĉi ne brulas, vi metas en ĝin sekan spliton — nenio, sed jen ĝi ne ekbrulas k la objekton malbonigis.

Kvin virinoj k kvar infanoj plenigas la kuirejon. K-do Gurvic, elirinte fine el la banĉambro, ruĝokula, kiel kuniklo, pro la sapo, vokas tra la ventolfenestreto la kortiston.

Subite ĉio eksilentas. Eniras K-do Berejkov.

Kiel tigro li sin ĵetas al la tablo, kie staras ordinare primusoj. Du, du mankas: lia nova, blua kiel Vego, purigita, kiel torpedŝipo, optimuso k mia malnova, mizera, purpur-nigra primuso . . . Silento.

Antaŭ tiu ĉi malfeliĉo, la plej granda en la mondo, krom ebla morto de la filo k malebla foriro de la edzino, kiu tamen okazis, antaŭ tiu ĉi furioza malfeliĉego, trafinta nin ambaŭ, la koro de K-do Berejkov moliĝas.

En la vespero de la sama tago mi malgaje venas en la kuirejon k malgaje ekrigardas en la malvivan tubon de samovaro, kiel Empedoklo en Etnon.

Daŝa lacigite de la travivaĵoj, dormas, sed mi deziras teon, tamen la primuso mankas, k la samovaro estas tiel grandega. Subite el post la tablo etendiĝas brako, de langeca fajra kroneto, kiel papilio ekflirtas tekruĉo k voĉo, firma voĉo de K-do Berejkov elparolas:

— Prenu, K-dino, jen estas vaka tekruĉo. Mi, sciu, ĉiam elverŝas, sed nun mi eĉ estas ĝoja. Ĉar celhava.

Malrapide k feliĉe trinketante teon kun citrono en mia ĉambro, mi aŭdas post la muro voĉon, firman voĉon de K-do Berejkov. Li parolas al la filo:

— Ellitiĝu, frato, ellitiĝu, Spartako. Stariĝu jen ĉi tie por momento, por ke nokte ne okazu malfeliĉo.

— Kaj poste kun neordinara mildo: — Nu, jen, nun kuŝiĝu. He, vi . . . simio.

*Tradukis Hermano Konovalov.*

---

## SAT-anoj! Ne prokrastu sendi vian aliĝilon por la XII-a SAT-kongreso en Ŝtutgart (6.-11. aŭgusto 1932)!

---

### Maksim Gorki pri la juna sovetia literaturo

Oni diskutas de longe, k multe pri tio; ĉu oni devas lerni ĉe la klasikuloj? Laŭ mi, oni ne nur devas lerni ĉe la klasikuloj, sed eĉ ĉe la malamiko, se li estas inteligenta. Lerni ne volas diri imiti, sed studi k kompreni iliajn procedojn, iliajn manierojn krei, ilian metion. Posedi laborprocedon ne volas diri ĝin gardi sian tutan vivon: komencu do labori k la laboro mem instruos al vi labori (forĝante oni fariĝas forĝisto). Ĉiu laboristo konas bone tiun ĉi veron. Se la studo kondukus nur al la imitado, ni havus nek sciencon, nek teknikon, k la literaturo ne atingus tiun ĉi perfekton, kiu estas necesa al la junaj verkistoj. Ekzistas io komika en tiu ĉi timo, ke oni devas lerni ĉe la klasikuloj, kvazaŭ oni timus, ke la verkisto de l' pasinto kaptos la lernanton ĉe l' kruro k kunirigos lin en sian tombon!

# La Universala Genio de Gete (Goethe)

## Kontribuo okaze de la „Centjara Memortago"

N. BARTELMES

Estus senutila faro, se mi volus ĉi-loke perdiĝi en detalojn el la vivo de Gete aŭ eĉ nur provi prezenti resumitan biografion okaze de la 22. marto 1932 — la centjara datreveno de la mortotago de l'spirita giganto. Kiu interesiĝas pri la eksterordinara vivo de tiu poeto-pensulo, kiu per sia universala genio ampleksis k trapenetris ĉiujn sferojn de homa kompreno k serĉado, tiu profundiĝu en liajn verkojn. Ili estas troveblaj tradukite en ajnan nacian lingvon, en pli grandaj urbaj bibliotekoj. Parto el la verkaro de Gete ankaŭ estas tradukita esperanten k presita.[1]



Estas malmultaj estuloj, kiuj tiom meritas esti kvalifikataj per la nomo *Homo*, kiuj tiom honoras tiun specon de racidotitaj animaloj, kiel Gete. Li unuigis en si riĉegan multflankan aron da kvalitoj k kapabloj. Se tia riĉo, cetere malofte, estis trovata ĉe aliaj geniaj homoj („superhomoj"), ordinare en la fino ili freneziĝis, ne povante elteni la gradon de cerba ŝarĝo. Gete ne nur ne suferis pro tiu vasta disbranĉiĝo en sia cerbo de plej variaj konoj k scioj, kiu aperigis lin kiel estaĵon havanta kvazaŭ plurajn personecojn en si — li eĉ atingis normal-evolue k animtrankvile aĝon de preskaŭ 83 jaroj. ... Kial? Ĉar li, kvankam forte travibrata de noblaj pasioj k ankaŭ plej homecaj am-instinktoj, spirite turmentata plie per la malaltnivelo k difekteco de l' ĝenerala homara vivo, ne estis pro tio emociata tiom profunde, kiom oni laŭ liaj skriboj povus supozi: lia anima ekvilibro neniam spertis veran renversantan ŝtormon.

Tiurilate mi citu trafan ekzemplon speciale interesan por ni SAT-anoj. Li travivis kiel plenaĝulo vere ŝtorman epokon, tiun de l' franca revolucio (1789) k de la Napoleonaj militoj (1799—1815). Gete, germano denaske k laŭ loĝejo, germano laŭ lingvo k medio, neniel emocie partoprenis okazojn, kiaj la subjugigo de Germanio fare de la Napoleonaj armeoj k la sekvantaj „liberigaj militoj". Tamen tiuj okazoj instigis tutan aron da konataj germanaj poetoj (la kulminon prezentas Kerner [Körner] k Arnt [Arndt]) al verkado de patriotaj kantoj, poemoj, dramoj ktp. Gete restis senpasia, nemovebla kiel la dioj de l' Olimpo. Gete ne estis naciisto; li eĉ mokis akre la naciismon k havis nur kompatan rideton pri tiu blindiga pasio. Kion li estus dirinta pri la hodiaŭa nacisocialista movado furiozanta en Germanio, pri Hitler, la sencerbulo, kun la demagogia agitado per frazaĉoj, signalvortoj, mi ne bezonas pentri ... nek lian kapskuadon pri la penadoj de iuj ŝajn-revoluciaj verkistoj produkti „proletan literaturon".

Ne mirinde, ke hodiaŭ, okaze de la 100-jarfesto, la reakciularo en Germanio sin trovas sufiĉe embarasata per la fakto, ke estas malfacile utiligi la verkojn k la nomon de Gete por pravigi ŝovinisman k kontraŭpopolan fiagadon. Cetere la ekleziojn Gete same malŝatis kiel la patriotismon. Sekve estas nur malmultaj fakte en Germanio, kiuj vere sincere povos soleni la centjaron. ...

Kaj la proletaro? Jes, ĝi trovos multon ĉe tiu individuista, aristokrata naturo de Gete, kio povas plaĉi al ĝi, kio povas alkonduki ĝin vidi en li sian amikon. Lia filozofio estas inspirita de tiu pensado, kiu trovis pli konkretan esprimon kelkajn jardekojn post la morto de Gete en la verko de Darŭin (Darwin). Gete ja anticipis ties „evolu-teorion", subtenatan k adaptatan al la ekonomiaj k sociaj cirkonstancoj pli poste de K. Marks k lia skolo.

Jam ĉi tio simpatiigas al ni la *scienculon* Gete. Ĉar, vi sciu, Gete ne estis nura poeto k dramverkisto, la aŭtoro de *Faŭsto* k *Ifigenio*, li estis ne nur filozofo, li estis ankaŭ vera scienculo, kiu mem praktike eksperimentis (li verkis ekzemple pri la metarmofozo de l' plantoj laŭ siaj propraj observoj). Sciencece li rilatis al ĉiuj vivoproblemoj, k tiel malgraŭ la serena optimismo, kiu vivigas lian filozofion k kreas konfidon al la propra forto de l' homo, ni trovas la klarvidon de l' saĝulo pri niaj homaj limoj de ekkono. Gete ne arogis al si trovi la lastan veron; estante mem supera homo vidanta pli profunden ol ordinara mortulo, li pli ol iu ajn konsciis pri la malvasto de nia homeco. Ekkrias Faŭsto-*Gete:*

> „Ne diojn mi similas! Sentis mi tro vere;
> „Al verm' fosanta polvon, ha, entere;
> „Dum ĝi en polv' sin nutras, vivon ĝuas,
> „Migrula paŝ' tombigas ĝin, detruas. ..."

Sed, kiel veran scienculon, tiu ekkono pri limigiteco ne kondamnas lin al ripozo, al rezigno: ne-memkontentiĝema, ne filistreca, li celas antaŭen, ĉiam pli supren! La konkludo el lia priviva filozofio? En

[1] Aperis esp-lingve: *La Gefratoj* (1899), *Ifigenio en Taŭrido* (1908), *La Suferoj de juna Werther* (1910/13 en „Esperanto" — Genevo), *Hermano k Doroteo* (1911, 1922), *Faŭsto I* (1923 ĉe SAT), *9 versaĵoj* (inter ili „Prometeo") en „Eterna Bukedo" (1931). Krome *Egmont* estas tradukita, sed ne presita niascie.

„Faŭsto II“ ĝin lasas kiel heredaĵon al ni la maljunulo Gete post okdekjara sperto:

„Nur kiu ĉiam penadante klopodas en la ĉiutaga vivbatalo, tiu povas esti absolvata“ (tio signifas: tiu plenumis sian vivrolon.)

Kia paralelo inter tiu konkludo de Gete k la alia de Volter (Voltaire) en la lasta ĉapitro de *Kandid:* „Ni devas kulturi nian ĝardenon.“!

Sed kio distingas Gete de nura filozofo, tio estas la forto de lia prezentopovo, de lia lingvaĵo, kiu vibrigas en nia interno la plej sentemajn kordojn. Lia arto trovis plej intensan esprimon, nesupereblan laŭ mia opinio, en la poezia formo, sub kiu li prezentas la plej altajn pensojn. Ĝi estas la formo, per kiu li akorde unuigas k juste ekvilibrigas *racion* k *sentadon*, la du pilastrojn, sur kiuj baziĝas la homa aktiveco. Oni aŭdu ekzemple:

„...
Returne nokto, tag' en mia fronto,
Ĉielo super mi k sub mi ondopleno.
Revado bela, — sed ŝi[1] forkaŝiĝas.
Ha! al spiritflugiloj ne aliĝos
Flugilo korpa per facila peno.
Sed ĉiun estas ennaskita,
Ke lia sent' antaŭen, supren celas,
Se super ni, en blua spac' perdita,
Alaŭd' aeren kanton pelas;
Abiaj super krutaltajoj
La aglo larĝetende pendas,
Kaj super lagoj, ebenaĵoj
Sin gruo hejmen flugetendas.“ (Faŭsto)

Ne ĉiam tamen la lingvo de Gete moviĝas alegorie en tiuj simplaj naturbildoj; ofte la aŭtoro supozas ĉe la leganto sufiĉe vastan konon pri la greka mitologio, la klasika antikveco. Klasikismo k romantismo estas harmonie interfratigataj en la majstraj verkoj de Gete; li same ŝatis k uzis la latinidan art-esprimon, kiel la ĝermanan; eĉ la orientpopolan (hindan) literaturon li stude k traduke alproprigis al si („Divano“). En tio kuŝas la universalo de lia arto.

— Ĉu Gete estis ateisto?

Kredeble tiu demando brulas sur la lipoj de kelkiuj. Legante la versojn de l' juna Gete, „Prometeo“, oni nepre estus alkondukata jesi tiun demandon. Jen kelkaj linioj el la nomita versaĵo, adresitaj al Dio:

[1] La sun-diino. — *N. B.*

„Estimi vin? Pro kio?
Ĉu vi mildigis jam dolorojn
De angorantoj,
Ĉu vi haltigis jam la larmojn
De zorgŝarĝitoj?“

Sed la pli aĝa Gete respondas sub demanda formo al Margareto, la pie edukita knabino, en „Faŭsto“:

„Lin kiu nomu?
Konfeson formu:
Mi kredas?
Kiu konjektu
Kaj fimalrespektu
Per dir': mi ne kredas lin!
La Tutliganto
De l' universo,
Ĉu li ne tenas, ligas
Vin, min, sin mem? ...“ ktp.

Spacmanko malpermesas al mi citi la tutan parton rilatan al tiu temo, kiu montras, ke Gete havis panteistan koncepton, rekonis gvidlinion en la universa evoluo, neante tamen la „de ekstere movantan dion“, kiu kiel en pupoteatro tiras la fadenojn. Per tio Gete estas profunde kontraŭkristana, same kiel per la intensa revivigo de l' klasika spirito (antaŭkristana epoko greko-romana). Li estas, kiu dubus pri tio? funde liberpensanta, k kiel tia li subtenis la fortojn de l' progreso bolantajn en la homaro, ĉiam kontraŭ la malprogreso; tiel li estis inter tiuj, kiuj kun vizia entuziasmo salutis la francan Revolucion, ĉar li ekkomprenis ĝian signifon por la antaŭeniro de la homaro (Valmi, 1792). (Aliparte lia rilato al la revolucio ĝenerale estis malaproba, ĉar Gete — ne pro tio ke li okupis postenon de ŝtatministro en princlando, sed pro tio ke la *principo de evoluado* superregis en lia pensado — malamis la ĥaoson, la tumulton k ĉion, kio necesigas malordegon.) Kaj certe, se li vivus en nia epoko, li subtenus ĉiun sinceran penadon, eĉ mankohavan, celantan al homsocia progreso, k li grandanime dirus pri la mankoj de tiuj *sinceruloj,* kiel *Pilado* en „Ifigenio“:

„... Tiel strange
La homa gento estas konstruita,
Tiele ĉio estas reciproke
Interplektita k interligita,
Ke en si mem aŭ kun aliaj homoj
Neniu povas resti tute pura
Aŭ senkonfuza. Ni ne devas esti
Juĝantoj pri ni mem. La homo devas
Nur marŝi k observi sian vojon. ...“

# LA BRIGADOJ DE SOVETIAJ VERKISTOJ


A. Bezimenski.

En la nuna Sovetio la *brigadoj de sovetiaj verkistoj* ludas tre gravan rolon. Ili prezentas novan karakterizaĵon de la soveta reĝimo k certe meritas la atenton de la tutmonda proletaro.

Ĉiu brigado, ampleksanta de kvin ĝis dek du membroj, komunistaj aŭ simpatiantaj verkistoj, estas komplete submetita al la Konfederacio de Sovetiaj Verkistoj, oficiala asocio ligita intime kun la registaraj organoj. Ĉi tiuj povas, en ajna momento, forsendi ien ajn moveblan brigadon por fari skriban aŭ buŝan propagandon, por ĉcesti inaŭguron de ŝtata intereso aŭ, fine, por prikanti venkon sur tiu aŭ tiu fronto agrikultura, industria, artista, ktp.

La verkistoj, kiuj estas sendataj de la Konfederacio, estas devigataj venigi al la sidejo de ĉi lasta raportojn pri sia laboro. Jenan raporton ekzemple faris Bezimenski, tre konata aŭtoro en Sovetio, poeto, dramverkisto, kritikisto (ĝi aperis en *La Literatura Gazeto,* oficiala organo de la Konfederacio de Sovetiaj Verkistoj):

„Mi troviĝas en Dnepropetrovsk k mi estas tre okupita. La tagoj pasas, plenaj de emocioj, bataloj, urĝaj taskoj k belega laboro. La ĵurnalo *Pravda* posttrenis la gigantajn forĝejojn de l' Dnepro, kiuj ne prezentis al la lando, je la fiksita dato, la cent dudek kvin mil tunojn da metalo, k, de nun ne plu ekzistas ripozo por

tiuj, kiuj kulpas pri tio. Ĉiuj grandaj fornegoj, ferfandejoj, ĉiuj metiejoj agitiĝas. Cent dudek kvin mil tunoj, K-doj. Tio estas tro multe, k oni devas fini per tio!

„Mi partoprenas en la posttrenado de l' *Pravda*. Ni alvenis je la nombro de kvin. Sed ĉi tiuj kvin estigis dudekon; la dudeko transformiĝis en okdekon por fariĝi dum kelkaj tagoj kvarcento. Ĉiujn tagojn, de la sesa horo matene ĝis noktomezo, la stabejo de nia posttrenantaro estas plena de laboristoj, kiuj venas de ĉie. Ili alportas al ni diversajn sciigojn koncernajn al la malordoj en la produktado, la sen pravigita motivo perdita tempo, la manko de sistemo en la laboro, la sabotantoj (intence fuŝantoj), la obstinaj mallaborantoj k ĉiuj specoj de homoj, kiuj metas al ni bastonojn inter la radoj.

„El tiuj ĉi laboristoj ni formas regule taĉmentojn, kiujn ni sendas en la lokojn, kie la laboro suferas plej multe. Tia taĉmento revizas la laboron de l' komunistoj en la fabriko. Alia revuas la laborejojn dissemitajn ĉiudirekte. Tria kontrolas la noktan produktadon. Kvara okupas sin pli speciale pri la fabrika kooperativo. Sennombraj telefon-alvokoj. Volontuloj venas k foriras, ne donante al ni eĉ etan minuton da ripozo. Kunvenoj ĉie, en la laborejoj, ĉe la partia komitato, de la „posttrenantaro".

„Mi partoprenas ĉe la posttrenantaro *Pravda*, k mi faras la saman laboron kiel ĉiuj miaj kolegoj, tio estas, mi vizitadas la laborejojn, mi konversacias kun la K-doj, mi faras la nokt-inspekton; mi ekparolas en la konferencoj. Mia tago estas ekscese plena.

„Mi partoprenas ĉe la posttrenantaro *Pravda*, sed mi estas k restas poeto samtempe. Mi sentus min vundita, se iu ekpensus disdividi tiujn du elementojn. Sed ĉi tie ne ekzistas malprudentuloj. Plenumante la komunan laboron, mi servas samtempe la ĵurnalon *La Atakulo*, kie mi uzas mian profesian armilon.

„Faktoj atakas la ĵurnalon *La Atakulo* k ili postulas precizajn rimedojn k agojn. Ne ekzistas por ni malordoj ĝeneral-karakteraj. Neniaj ĝeneralaj kaŭzoj! Ĝeneralaj kaŭzoj devas havi nomojn k antaŭnomojn. Rigore persona respondeco! Same tiel persona kritiko!

„La submastro Gukov lasis la „Besemer"-fornegon unu horon k duonon senlabora, k en mia poeta kvalito mi dediĉas al li epigramon. La administranto de l' provizaĵa butiko, A. Zavorotnija, trompas la laboristojn ĉe la kalkulo. Epigramo! La administracio de laborejo renovigas tegmenton dum la pluvo, kiu estingas fornegon k faras domaĝojn por milo da rubloj. Epigramo! La submastro Volkof, la brigadano Drosnof k la laboristo Karpin riparis fandfornon ĉe la temperaturo de 110°. Odo je ilia honoro! La laborejoj 10 k 15 konkuras pri la nombro da plenumitaj pecoj! Odo!

„Faktoj atakas *La Atakulo*-n k min ankaŭ, k ili postulas tujan realigon. Kaj ĉio, ĉirkaŭ ni, estas mobilizata por servigi tiujn ĉi faktojn kontraŭ ilin mem, por lukti kontraŭ la malamiko, por kontraŭbatali la sistem-mankon, por kuraĝigi la bravulojn, por prikanti la heroecon. Epigramoj, odoj, riproĉoj, alvokoj estas verkataj tuj, en nia migranta presejo k estas tie presataj en tempa minimumo. Maldikaj pecetoj da surpresita paperaĵo estas gluataj al alumetskatoloj, cigaredskatoloj, al laktoboteloj: jen niaj frapantaj armiloj! La muroj, la dom-enirejoj, la kamentuboj, la veturiloj estas kovrataj per afiŝoj kun signaldiroj. Estas neeble aĉeti al si ion en la kooperativo sen ricevi kun la varo malgrandan folion dirantan al vi tian fakton, tian sukceson, tian malbonfaron, tian nomon. Ĉu vi komprenas la efikon produktatan de granda skribaĵo en la centro mem de l'laborista vilaĝo?: ‚Ĉu vi scias, civitanoj, ke, en via strato, tie k tie, loĝas ega maldiligentulo, N. N. N.?' La afiŝo estas ĉirkaŭita de densa k ekscitita amaso. Oni dirus, ke la honto kovras ilin ĉiujn, la tutan vilaĝon.

„Nu, mi faras versojn, epigramojn, devizojn. La senco de l' laboro estas klara. Ni havas malamikojn ĉie. Kontraŭrevoluciulojn. Ili estas fortaj! Spritaj! Tre talentaj, la poeta kapablo ne mankas al ili plie! Ili skribas verse: ‚Nenian viandon, nenian buteron, sed, anstataŭe, ni havas la kvinjaran planon!' Aŭ: ‚Nia stomako estas malplena, niaj ŝuoj estas disŝiritaj, sed la kvinjara plano prosperas malgraŭ tio!' Ni devas do respondi k mi donas devizon kiel tiun: ‚Ĉiu komprenos, ĉe kiu la inteligento ne estas estingiĝinta: de kiam ni havos ŝtalon, ni havos buteron.' Oni povas diri, neniel troigante, ke ne ekzistas unu sola laboristo en tiu ĉi regiono, kiu ne konus tiun ĉi devizon. Ni do atingis nian celon.

„Oni diskutas inter la laboristoj: ‚Kian punrimedon oni devas uzi kontraŭ komunisto k kontraŭ senpartiulo, ambaŭ kulpaj pri la sama eraro?' Oni turnas sin al ni, k nia bazo estas klara k simpla: ‚Ni laboras ĉiuj kiel en la milito. Sekve komunisto estas duoble pli respondeca.' Niaj epigramoj, ĉiam rimitaj, havas rektan k tujan efikon: ili lerniĝas parkere k estas eĉ kantataj. Mi komprenas tre bone la krean ĝojon de poeto, kiu sentas la kontakton kun sia aŭskultantaro. Sed nia ĝojo estas duobla, kvarobla, neesprimebla. Versoj faras ŝtalon. Kaj la lando bezonas ŝtalon.

„Jen ekstrakto el la ĵurnalo de l' parti-komitato:

„Estante menciita en *La Atakulo*, la submastro Gukov k lia brigado laboras tute bone. Li deklaras: ‚Por forviŝi ĉi tiun makulon, mi volas labori ĝis elĉerpiĝo, sed mi sukcesos.'

„Oni rakontas, ke alia submastro, aĉetante laktobotelon, trovis sur ĝi gluitan epigramon, dediĉitan al li. Li eligis teruran kriegon k, ekfurioziĝinte, rompis la botelon kontraŭ la reloj. Fiere, mi povas anonci al vi, ke per niaj rigore literaturaj zorgoj ni kontribuis ĉe la pliigo de ŝtalfandado. Mi raportas al la Konfederacio k al ĉiuj miaj amikoj, ke dum la ok lastaj tagoj mi verkis dudek sep poemojn k epigramojn k kvardek ses devizojn. Ili aperos suplemente al la loka fabrikĵurnalo *La Atakulo*. Ho jes, ĉio tio estas malproksima de majstroverkoj de l' literatura kreado. Ĝi estas nur malneto de l' revolucia laboro, sed ĉi tiu ne estas poeto, kiu ĝin rifuzas. Kvankam ĝi estas mankohava, ĝi faras agon k mi pri tio estas feliĉa.

„Ĉiujn literaturajn organizojn, ĉiujn literaturajn grupiĝojn oni devas kunigi per la demandoj pri la ĉiutaga batalo. La lando neniam pardonus al ni nian malaktivecon. Ĝi havas ĉiujn rajtojn je ni. Antaŭen, verkistoj k poetoj! Versoj povas fari ŝtalon, k ŝtalon nia lando plej multe bezonas."

---

Celo de l' literaturo estas helpi al homo kompreni sin mem, levi la fidon al si mem k disvolvi en si celon al vero, batali kontraŭ la malbono ĉe l'homoj, scipovi trovi bonon en ili, inciti en iliaj animoj honton, koleron k kuraĝon.

*Maksim Gorki.*



# LA PAĜO DE L'FILOZOFO

## Frenezo k genio ne parencas

Lastatempe mi legis artikolon pri Niĉe (Nietzsche). Tia legaĵo ne estas malofta. Tial ke la paroloj de tiu filozofo estas malklaraj k paradoksaj, tial ke li malŝatas la simplan saĝon k ke li mortis freneza, ĉiuj, aŭ preskaŭ, entuziasme konsideras lin granda artisto k superulo. Malnova kutimo. La homoj longtempe adoris la frenezulojn, ĉu ili estis furiozaj aŭ revemaj frenezuloj, ĉu armeestroj aŭ profetoj. Feliĉe tiu tempo forpasis; sed restas en ĉiu el ni ia korinklino k ia indulgo de la spirito por deliraĵoj. Ni volas, ke la genio iel similu al la Pitio kun disflugantaj haroj; k ne malplaĉas al ni, se granda homo estas nerve malsana k ĵetas siajn meblojn tra la fenestro.

Ni ne plu irus en la kavernaĉon de la Sibilo, sed mi konas pli ol unu naivan k sanspiritan homon, kiu iras peti lecionojn pri saĝo al mistikuloj aŭ al konvulsifanatikuloj. Mi konas plurajn el tiuj bonaj familipatroj, kiuj edukas la junularon per meditoj pri la krizoj de Niĉe k la ekstazoj de Sankta Terezo.

Ili ŝovas la muzikon k la muzikistojn, vi ne dubu pri tio, en tiun dancon de furiozuloj. Hugo Volf, noblega muzikisto, iliadire, estis plurfoje internigita en frenezulejo; tio ŝajnas al ili natura. La inspiro estas sankta furiozo. Kompatinda Racio, ili cin ekzilas en la kampon de l' komerco k de l' industrio.

Estas necese kontraŭstari al tiaj deziroj. Laŭ mi la malordo estas malbela; estas la pasio malbela; la furiozo estas malbela. Mi neniam amikiĝos senrezerve kun aŭtoro, kiu miascie mortis freneza.

Mi scias, ke tro longdaŭra meditado povas konduki al fiksideo; mi scias, ke por ĝuste pensi, estas bone serĉi izolecon, k ke la izoleco estas peza. Tamen mi ne facile kredos, ke la ekzercado de la intelekto difektas la sanon. Aŭgusto Kont (Comte), kiu komprenis la sciencojn, havis frenezatakojn. Paskal ankaŭ kredeble, kvankam, kiam la frenezo sin vestas per religia mantelo, ĝi tuj pli dece aspektas. Tio pruvas, ke homo tre inteligenta povas havi cerban difekton; tio tute ne pruvas, ke estas la fulmoj de la inteligento, kiuj bruligas al li la okulojn. La kaŭzo de ilia frenezo sendube kuŝas alie, en ia trasorbiĝo de sterkakvo, se mi kuraĝas tiel paroli, kiu nutris en ili ĉu iun koleron, ĉu iun malhumilon, ĉu iun teruron aŭ iun vizion. Mi eĉ volonte kredus, ke tiuj kompatinduloj pensadis malespere, pensadis per ĉiuj fortoj, kun pli da metodo k pli da konsekvenco ol iu alia, ĝuste tial ke, sentante sin tirataj de la animaleco, ili kroĉiĝis al la homeco k al la simpla saĝo.

Sume mi emas opinii, ke se ili ne tiel streĉe pensadus, ili freneziĝus pli frue, kiel povas okazi al iu ajn stultulo.

La penso estas ekvilibro k sereno. La vero estas saĝa. La belo estas saĝa. La pasioj, la kolero, la furiozo, povas puŝi homon al la gloro; ili ne povas ĝin doni al li. Se homo nutras en si mem manion de grandemo, se li sin montras, sin ŝovas, se li portas al eldonistoj ĉion, kio elfalas de lia plumo, se li trenas siajn versojn k sian muzikon de salono en salonon, mi konfesas, ke tiu grajno da frenezo donas al li almenaŭ dudek jarojn da antaŭeco super la saĝa disĉiplo de Platono k Gete; sed se li plie ne havas ornamon el simpla saĝo, se lia frenezo ne scipovas sin vesti per racio, k laŭtakte danci, oni mokos lin.

Sekvu la plej altajn eksaltojn de Platono, de Gete, de Viktor Hugo, sekvu nur Niĉe, kiam li imitas Platonon, ĉiam vi kvazaŭ spiros pli puran aeron; la admiro malsuprenvenos en vin kiel ĝojo, k vi devos fine rideti.

La muziko ankaŭ kvietigas, eĉ kiam ĝi larmigas. La genio ĉiam estas ĝojo, sano, ekvilibro, — vivo, por ĉion diri per unu vorto. La belo k la vero, en ĉio, estas ekbriloj de simpla saĝo.

*Alen (Alain).* El la franca tradukis *Herezulo.*

## LA MORTO

Aplikante la metodon de la fizikaj sciencoj, tute ne stariĝis antaŭ mi la demando pri ekzisto de la homa animo k pri ĝia senmorteco. Same la ĥemiisto ne trovas en siaj fandujoj la dormigecon de la opio.

La morto estas la plej simpla k la plej konata el la naturaj fenomenoj; tial ke la timo pri la morto teruris k malsaĝigis niajn praulojn, tio ne estas motivo, por ke objektiva observanto erarkomprenu ĝian fundamentan simplon, por ke li ne faru el ĝi unu el la plej solidaj deirpunktoj de siaj biologiaj studoj.

Por observanto, senigita je antaŭjuĝoj, la certo pri la kompleta morto estas tiom tuja, kiom estas por la fizikisto la certo pri la tuta malapero de la flamo ĉe kandelo, kiam vento ĝin estingis.

Ĉe biologo ne naskiĝos la penso pruvi la neekziston de la animo; li nur povas diri, kiam li finis siajn studojn, ke li neniel bezonis tiun vorton, same kiel Laplas (Laplace) respondis al tiuj, kiuj riproĉis al li pro lia ignoro pri la vorto Dio en liaj verkoj: „Mi ne bezonis tiun hipotezon."

*Felikso Le Dantek.*



*Astronomio*

# LA NASKIĜO DE L'MONDO

ANTAŬ tre longa tempo — certe pli ol *cent miliardoj da jarcentoj* — ĉiuj atomoj, destinitaj formi la sunon k la stelojn, la teron k la planedojn, viajn korpojn k la mian, kiel ankaŭ ĉiujn elradiadojn, kiujn la suno k la steloj deverŝis de tiam, formis ĥaosan tuton el gaso, kiu plenigis la tutan spacon. Sekve de la universala gravitado, fluoj de materio laŭgrade produktiĝis k elvokis etajn densiĝojn. Depost tiu malproksima epoko, la proverbo *oni pruntas nur al riĉuloj* jam estis valida, ĉar ĉiu amasiĝo altiris al si mem ĉiam pli da atomoj: konsiderindaj masoj pligrandiĝas kontinue malprofite al la masoj malpli favoritaj k fine absorbas ilin. Du influoj efikas sur tiujn ĉi grandegajn masojn: la gravitado, kiu celas ilin muldi en sferojn k ilia rotacia movado, kiu platigas ilin, k tie kuŝas la origino de l' formo de la nebulozoj. Sed la gasoj, kiuj sin trovas sur la randoj, densiĝas denove en distingajn masojn k la steloj naskiĝas: la nebulozoj aliformiĝas en stel-civitojn, kiuj estas plataj depost sia naskiĝo k kiuj restas plataj pro sia rotacia movado.

*

Ni fiksu nun nian atenton sur la stelon, kiu plej multe interesas nin, sur nian sunon, aŭ pli bone sur la eksterordinaran akcidenton, kiu trafis ĝin antaŭ multe malpli longa tempo, antaŭ apenaŭ *kvardek aŭ sesdek milionoj da jarcentoj.* Kaj jen la neatenditaĵoj de l'dramo, al kiu ni ŝuldas nian nefirman ekziston k kiu disdividiĝis mem sur dudek aŭ tridek milionoj da jarcentoj. ...

Unue, observanto, laŭsupoze lokita sur la surfaco de l'suno, estus rimarkinta stelon grandiĝantan diskrevante, ĝis ĝi superis ĉiujn aliajn k fariĝis nekompareble pli luma ol estas nuntempe Siriuso. Ĝi aperas brilanta, ne tiom pro tio ke ĝi estas tia reale, sed ĉar ĝi alproksimiĝis je neantaŭvidita maniero. Ĝi alproksimiĝas pli k pli; ĝi preskaŭ kuniĝas kun la suno; ĝi estus aperinta sub formo de larĝa disko, ĝi estus eĉ kovrinta grandan parton de la ĉielo. Kaj nun ĝi estas tiel najbara, ke ĝiaj meĥanikaj efikoj komencas sentiĝi. Same kiel la luno, pro sia proksimo al la tero, produktas tajdojn en niaj oceanoj, same tiel tiu ĉi vojaĝanta astro, kiu estas multege pli masiva, estigas tajdojn en la ardega atmosfero de la suno. Tiuj ĉi tajdoj fariĝas tiel fortaj, ke en unu punkto lokita rekte kontraŭ la alia stelo, la atmosfero de l' suno formas grandegan gasmontegon, atinganta milojn da kilometroj da alto. Ĝis hodiaŭ, la altirado de l' stelo levis la supron de l'montego *malgraŭ* la altirado de l' suno, sed ĉi tiu estis ĉiam la pli forta. Tiam la dua stelo fariĝas tiel proksima, ke la balanco kliniĝas subite je ĝia favoro: la supro de la tajda ŝvelo ekiras kiel sago en ĝian direkton.

Se tiu ĉi stelo estus daŭriginta alproksimiĝi la sunon, la ekstremaĵo de tiu ĉi materi-ĵeto estus ĝin atinginta, la substanco de l'ĵeto estus kunliginta la du stelojn kiel la stango de haltero k ... la vivo neniam estus aperinta en tiu ĉi angulo de l' mondo. Vere feliĉe (por ni), la alia stelo ne direktis sin al la suno: tre proksime preterpasinte ĝin, ĝi sekvas sian vojon, sen ke okazis vera kolizio. Kiam ĝi malproksimiĝas, ĝia influo plimalgrandiĝas, tiam nenia materia maso plu estas altirata fore de l' suno, sed ĝi pludaŭras, pendante en la spaco, longa fibreto el varmegaj gasoj, laŭaspekte similanta al cigaro pintigita ĉe siaj ekstremoj.

Izolite de l'suno, ĉi tiu fibreto malvarmiĝadas iom post iom, poste dividiĝas en apartajn gutojn, same kiel vapornubo densiĝas en akvogutetojn. Komprenebla, tiuj ĉi gutoj, kiel la fibreto mem, havas kolosajn ampleksojn; iliaj dimensioj rilatas la astronomian skalon. Ili ne refalas sur la sunon, ĉar la altirforto de l' alia stelo, kiu malproksimiĝas senrevene, ekmovis ilin, tiel forte ke ili komencas kurbiri laŭ fermitaj orbitoj. Tio estas rekta konsekvenco el la gravitada leĝo, kiu estis jam tiutempe la sama kiel hodiaŭ.

*

Inter tiuj ĉi ok aŭ dek gutoj unu el la plej malgrandaj estas la tero. Ĝi estas tiam maso el brulantaj gasoj, sed laŭproporcie kiel ĝi malvarmiĝas, ĝia centro densiĝas. Kun la tempo, ĝia temperaturo tiom malaltiĝas, ke solida krusto formiĝas ĉe ĝia surfaco. Kaj pli poste — tio okazas antaŭ proksimume tri milionoj da jarcentoj — kiam ĝi malvarmiĝis ankoraŭ pli multe, nova stranga fenomeno produktiĝas sur tiu ĉi solida krusto: atomgrupoj komencas aglomeriĝi en kunteniĝantajn organismojn, kiujn ni priskribas sub la nomo de *vivo*. Kia ajn estu tiu ĉi vivo, ĝi atestas pri kurioza kapablo de reproduktado k kondukas fine al miregindaj malsimplaj estaĵoj. Ĉe la ekstrema punkto, la homo, aperinta antaŭ kelkaj tri mil jarcentoj, reprezentas la plej evoluintan organismon, kiu produktiĝis sur la tero ĝis nun. Ni ne scias, ĉu ekzistas vivformo pli malsimpla sur la planedoj de l' sunsistemo, sur la planedoj de aliaj sunoj, aŭ ĉu tie ekzistas vivformo malpli malsimpla, aŭ tute nenia vivo. Ĉiukaze, la universo teruras nin per la senmezura grando de siaj distancoj, per la nekonceptebla longo de siaj tempaj perspektivoj — kiu reduktas la tutan homaran historion al la daŭro de ekpalpebrumo — per nia profunda solesto, per la sensignifeco de nia restadejo — la milionono de sablero inter ĉiuj sableroj de ĉiuj bordoj de la tero. Sed, super tio ĉio, ni trovas timegiga la universon, ĉar ĝi ŝajnas indiferenta al ĉiu speco de vivo: la emocio, la ambicio k la sukceso, la arto k la homa imago ne havas lokon en ĝia plano, reĵetiĝas je ĝia senpasieco. Eble ni devus diri, ke la universo aperas kiel radikale malamika al ĉia vivo simila al la nia.

Nia raso estas nove veninta; nia pasinto estas mallonga momento en la historio. Dume la panoramo sinsekve malvolviĝas k, se ni turnas la dorson al la jam forpasinta tempo, ni rigardas al estonto, kiu daŭros milojn k eĉ milionojn da fojoj pli longtempe ol nia pasinto — estonto pli longa ol nia spirito povas imagi ĝin. Ni komprenas, ke ni estas, laŭ ĉia probableco, ĉe la komenco de l'vivo de la homa speco; ni estas ĉe la aŭroro de tago de preskaŭ nekalkulebla longo.

*Jakobo Ĝins (Jeans)*
Astronomo el Londono.

## TUTMONDAJ NOVAĴOJ.

**La akvobaraĵo de Sukkur.**

La akvobaraĵo de l'Induso estis malfermata en la unua duono de januaro. La unua projekto datiĝas el 1846. Ĝi estas la plej granda akvobaraĵo de l'mondo. Dank al ĝi oni akvumos regionon je kvinono pli etenditan ol tiu akvumata en Egiptio, k kiu, senfrukta ĝis nun, povos kovriĝi per koton-kampoj.

**Nova fervojo en Sovetio.**

Laŭ „Izvestija" (Sciigoj) nova fervojo estos konstruata inter Moskvo k la mineja k metalurgia baseno de l' Donec. Tiu linio estos longa 800 kilometrojn. Oni dungos 60 mil laboristojn por ĝia realigo; ĝi estos finita la 1-an de aŭgusto 1933. Tiu ĉi linio havos gravan signifon por la industrio de l' centraj regionoj el Sovetio.

**Terura invento de usona inĝeniero.**

La usona inĝeniero Lester Barloŭ (Barlow) inventis infermaŝinon, kies detrua povo ŝajnas fenomena. Li deklaris, ke per la helpo de Hercaj (Hertz-aj) ondoj (elektraj) li povas per tiu ĉi inventaĵo detrui dum dudek kvar horoj tutan urbon situitan en periferio de 1600 kilometroj de la agobazo. Li pretas meti la inventon al la dispono de l' Ligo de Nacioj, esperante, ke ĝi malebligos ĉiun estontan militon k garantios la pacon. La inventinto deklaras mem esti terurata per la ebloj de sia maŝino. Ni ne scias, ĉu tiu afero estas aŭtentika, sed eĉ se temus pri troigo, restas la fakto, ke estonta ĥemia milito povus neniigi la tutan civilizon dum mallonga tempo.

**400 kilometrojn hore per vagonaro.**

La inĝeniero Grakovski inventis tielnomatan „Cepelinon surteran". Estas trajno movata per aviadila helico k motoro. Ĝi povas trapasi 400 kilometrojn hore k fari la vojon de Leningrado al Moskvo dum unu horo k duono. La eksperimentoj okazos tre baldaŭ inter tiuj du urboj. La unua trajno povos transporti 80 pasaĝerojn. Ĝia konstruado kostos 4 milionojn da rubloj.

*Lingvoscienco*

# La mano k la lingvo en la homa socio

*Mano k lingvo:* jen la homaro. Kio signas la finon de l'zoologia historio k la komencon de l'homara historio, tio estas la kreiĝo de la mano k de la lingvo; tio estas la decida progreso de l' praktika logiko k de l' mensa logiko. La historio estas esence logika; ĝi trovas sian profundan klarigon en la *inklino* de l' vivaĵo persisti en sia esto k ĝin disvolvi. La mano, tiu ĉi nekomparebla ilo, kiu ebligis la tutan materian ilaron, esprimas k plirapidigas samtempe la psikan disvolviĝon; k la individuo estas la vera iniciatanto de l' progreso, kiun la medio nur povas estigi k fiksi. La lingvo, en alia fako, estas unu el la plej eksterordinaraj kreaĵoj, kiujn la homa evoluo aperigis.

La malnova koncepto pri la lingvo mirakle trudita al la homo aŭ arte organizita de li, lasis postsignojn en iu lingvistiko, kiu traktas la lingvon kiel ion sendependan, transcendan, k konsentas internan neceson al ĝiaj leĝoj, — ne nur al la fonetikaj leĝoj, aŭ tiuj pri la prononcado, kiuj estas ligitaj al organoj, sed al la morfologiaj leĝoj, aŭ tiuj pri la gramatiko, k al la *semantikaj* leĝoj ( t. e. pri la vortaro). Nu, estas erare konsideri la lingvon kiel idealan enton evoluanta sendepende de la homoj k sekvanta siajn proprajn celojn. Vero estas, ke la lingvo estas intime ligita kun la psika vivo, ĝi estas, ekde siaj originoj, aktiva psikologio.

Vere tie stariĝas psikologia problemo. Ne pli ol por la originoj de la mano, oni povas doni por tiuj de l' lingvo *historiajn* precizigojn. Cetere, propradiraj originoj ne ekzistis, ĉar ne okazis memstara kreado, sed transformado — en homa senco — de fenomeno, kiu aperas ĉe la animalo. La lingvo, en limigita senco de l' vorto, la orela (sinaŭdiga) lingvo — nur unu kazo el la kapablo produkti signojn — ekzistas ĉe la animalo. Ĝi esprimas per sonoj siajn afekci-statojn; k la lingvo, sendube, estiĝis el la krio, kiu tradukas spontanee la emociojn. Eble la trankvilaj impresoj k la moderaj sentoj produktis la klare prononcitajn sonojn, dum la krio respondas al la fortaj emocioj. Sed la homa lingvo unue devis esti afekcia; k ĝi restas, larĝskale, afekcia, ligita al la individuo, al la individua hazardo. Ĉe la infano la afekcia lingvo ekdisvolviĝas. En la parola lingvo la spontaneo ĉirkaŭvolvas k koloras ĉiam la pens-esprimon k faras nefirma la gramatikon.

Al la afekcia lingvo devis miksiĝi frue la *aktiva* lingvo, kiam la krio ne plu havas karakteron de simpla traduko de emocistato, sed de agrimedo, de alvoko, petego, ordono. Tio estas grava fazo en la disvolviĝo de l' lingvo: k la bezono persisti en la estado aŭ pluigi, per la kunagado kun aliaj aŭ per alies utiligo, ludis tie la esencan rolon. Temas ĉiam por la vivaĵo konservi sian vivon, ŝirmi sin kontraŭ la danĝeraj influoj k etendi plie sian potencon super ĝin ĉirkaŭantaj estaĵoj.

La parolo k la mimiko estas unue intime ligitaj, sed la orela lingvo disvolviĝas dank' al sia praktika supero; k kiel la ekstera parolo produktas la eksteran agon, la interna parolo realiĝas en la volo aŭ manifestiĝas en la kredo, la deziro: ĝi estas pli k pli memaga en ĉiu homo.

La lasta progreso, kiu formas vere la homan lingvon, produktiĝas, kiam la sono estas rekonata kiel signo. kiam la spontaneo, kiu kreis la utilan signon, kompletiĝas per la volo, kiu ĝin akceptas. Kaj ĉi tiu progreso, tute praktika en la komenco, kiu servas rekte al la vivoceloj, entenas nedifinitan psikan pliriĉiĝon. Sendube necesas jam disvolvita memoro por malkunigi la sonon de l'reflekto, al kiu ĝi origine estas ligita; necesas konscio jam sufiĉe vekita por rilatigi signon al signifohava objekto (la objektoj en si mem *signifas* nenion): sed la konscio firmiĝas k malrigidiĝas unike, kiam ĝi disponas pri simboloj, kiuj fiksas la objektobildojn. Per la simbolo la homo leviĝos tiom pli facile al la koncepto, ĉar transdonante ĝin al alia cerbo li ĝin faras por ĉi lasta ankoraŭ pli sendependa de l' rekta impreso. La naskiĝanta intelekto faras el la lingvo iom post iom sian specialan instrumenton, la organon de l'pensado, kiu permesas al la penso manifesti sin sen rekta rilato kun la *funkcio de l'realo.*

La vorto, per sia reprezenta, komunikebla valoro, prezentas la samajn oportunojn kiel la papermono; sed ĝi estas same danĝera, laŭmezure kiel ĝi povas esti malplena je realo k fariĝi vana imago.

Naskita el la vivo, la bezono, la deziro, la lingvo procedas unue per sintezo. La penso malinklina al gramatikaj klasifikoj, komencas flui tute vive en la lingvo. La vortbildo, la fonetika vorto, — ĝuste ĉar la lingvo origine estas ago, — havas la valoron de frazo: la substantivoj, kiuj reprezentas la objektojn k la propraĵojn, la verboj, kiuj reprezentas la statojn, la gramatikaj iloj, kiuj indikas la rilatojn, ekaperos. La frazo antaŭas la gramatikan vorton; la vorto antaŭas la silabojn.

Kaj la lingvo restas submetita al la vivo en ĝia senfina evoluado. Oni konstatas la ekstreman ŝanĝiĝemon de l' vortaro, kiel la karaktero de l' lingvo senĉese diversiĝas k senlime kreskas ĉe ĉiuj parolantaj estaĵoj, esprimantaj sian propran vivon en tio, kion ĝi havas da plej personeca. La skriblingvo — eĉ tiu de l' majstro-verkistoj, kiu ŝajne devus fiksi la instrumenton per grado da perfekto, kiun ili donas al ĝi — ne povas haltigi la vivon, kiu venkas la regulojn k rompas la tradiciajn barojn. *Ne* la vortoj vivas, sed la spirito, k ĝi transformas la sencon, kiel la spirito de l' vivo ŝanĝas k renovigas la nomojn de l'objektoj. Ne estas absurde aserti, ke ekzistas tiom da diversaj lingvoj kiom da individuoj.

Sed ekzistas lingvoj komunaj k specialaj. Kontraŭ la diferenciga tendenco agas senĉese *unuiga tendenco*, kiu restarigas la ekvilibron.

Tiu ekvilibro estas esence la verko de l' socio. Se fariĝis banale konfirmi, ke la homo antaŭ ĉio estas socia estaĵo, tamen konvenas precizigi tion, kio donas al li esence tiun ĉi karakteron, k oni devas diferencigi ĉe li tion, kio estas aŭtentike *socia*, kio estas *kolektiva* k kio estas *homa*.

Socio havas kiel tia propran vivon, kiu ampleksas, superas k riĉigas la vivon de l' individuoj: ĝiaj apartaj bezonoj manifestiĝas per *necesaj institucioj*, en kiuj la individuoj solidariĝas, diferencigante sin. Kolektivo, nacio havas apartan *karakteron*, kiu signas la individuojn per propraj similaĵoj.

La karaktero de nacio, k pli fortgrade la specialaj trajtoj de unu el ĉi tiuj grupiĝoj, kiujn ĝi entenas, reflektiĝante en la lingvo — lingvoj komunaj aŭ dialektoj k lingvoj specialaj, — enkondukas en ĝi ĉiuspecajn propraĵojn, kiuj havas nenion komunan kun la „socia organismo" aŭ la „socia distavoliĝo". Oni povis diri, ke la lingvo estas „patrio de l' spirito": la *patrio* estas tute alia afero ol la *socio*.

Oni ne devas enkonduki en lingvistiko la ideon pri raso, kvankam certe ekzistas rilato inter la spiritostato de popolo k ĝia lingvo. Oni povus imagi psikologion de l'popoloj, kiu baziĝus sur la ekzameno pri la diversaj ŝanĝiĝoj privortaraj, elmontritaj en la lingvoj, kiujn ili parolas.

Ekzistas fakte abstraktaj k konkretaj lingvoj, kiuj respondas al kontraŭecaj popolaj spiritostatoj. Mirinde konkreta estas ekzemple la karaktero de l'ĉinaj konceptoj en la vortaro de tiu lingvo. Preskaŭ ĉiuj vortoj entenas unikajn ideojn, esprimantaj manierojn esti, perceptitajn sub kiel eble plej aparta aspekto: tiu ĉi vortaro tradukas ne la bezonojn de pensado, kiu klasigas abstrakte, ĝeneraligas, kiu volas agi sur klaran, distingan k al logika organizado preparitan materion — sed, tute kontraŭe, superregan bezonon de specialigo, diserigo, pentrindo. . . . La vortoj el la ĉina vortaro ŝajnas respondi al koncepto-bildoj, ligitaj, unuparte, al sonoj, kiuj ŝajnas dotitaj per la povo elstarigi la karakterizajn detalojn de l' bildo, k, aliparte, al skribsignoj, kiuj figuras la enregistritan geston kiel esencan per la instiga memoro.

Tiu ĉi faktoro de popola psikologio ne estas la sola propraĵo de ĝenerala signifo, kiu kondiĉas la lingvon. La lingvistika evoluo intime dependas de l' *historiaj* cirkonstancoj: ĝi dependas de l' loĝejo, de l' vivmaniero, de la implikaĵoj en la vivo de l' popoloj. Sed trajtoj, kiuj tuŝas unu grupon, unu tutan nacion, ne devige havas socian originon. La vorto „historia" estas ĉi tie la ĝusta vorto. Inter la influoj, kiujn enregistras la vortaro kiel delikata aparato, ĝi suferas tiun de l' tieldiraj sociaj faktoroj. La principo de l' plimulto el la sencoŝanĝoj troviĝas en la dispartigo de l'parolantoj inter diversaj sociaj grupoj k en la transiro de vortoj de unu grupo socia en alian. Sed ĉu, laŭmezure kiel la lingvo *reflektas*, tiel la historiajn kondiĉojn, kiel la „sociajn kondiĉojn" de la popoloj, ĝi do estas vere socia?

La lingvo estas vere socia nur, se ĝi estas kreaĵo de l'socio, institucio esence propra al la socio. En la sino de l' socio la lingvo formiĝis. Ĝi estas eminente socia faktoro, ĝi rezultas el sociaj kontaktoj.

La socio utiligis la lingvon. Ĝi aplikis, ne devigon — tamen premon, por ĝin fari praktika k ĝin perfektigi. Ĝi eĉ, diversmaniere, *instituciigis* ĝin: ĉar oni devas distingi inter la fundamentaj k la duarangaj institucioj. Sed, origine, la lingvo estas pli vere *faktoro* ol socia produkto. Kun la mano, la lingvo permesis al la socio plene disvolviĝi. La kunligiĝo estas des pli intima, ju pli granda estas la diferencigo; k la diferencigo estas mem aparte favorata de la lingvo kiel de la mano.

La lingvo ne ekzistas ekster tiuj, kiuj pensas k parolas. Per siaj radikoj ĝi penetras en la profundojn de l' individua konscio; sed la individua konscio estas nur unu el la elementoj de l'*kolektiva konscio, kiu trudas siajn leĝojn al ĉiu*. Kiel pens-instrumento k ankaŭ kiel intelekt-organo la lingvo estas vera socia kreaĵo.

*

La mano ne nur faciligis, kun la funkcia diferencigo, la kunlaboradon de l' homaj estaĵoj: ĝi kontribuis forte al la kono pri la ekstera mondo. Ĉar la kono, tute praktika, bazita sur la *intereso*, naskita el la inklino, estas samtempa kun la vivo. La adaptado estas kono. Ekzistas kono pri la realo materiigita en ĉiu organismo, meĥaniko k fiziko aganta en la plenumo de l' muskolaj energioj. Antaŭ ol esti konceptita, la leĝo pri l' kaŭzeco estis pli k pli *sentata* per la disvolvado de l' homa aktiveco en mondo regata de tiu ĉi leĝo, el kiu la homo estas nedisigebla parto.

Sed la *penso*, la superaj formoj de l' psiko estas ligitaj al la lingvo. Ĉi lasta estas komunikilo k enregistrilo; ĝi per la abstraktado k la ĝeneraligo fiksas la konon en la konceptoj k permesas ĝian senfinan disvolviĝon.

La kapablo abstrakti k ĝeneraligi certe ne vekiĝas nur kun la lingvo. Sen la lingvo la atento k la memoro ludas sian rolon, — sub la ago de la *inklino*. La prahomo k la animalo tiras perceptojn el sennombraj konfuzaj sentoj. Ĉi tiuj perceptoj rezultas de elekto: inter la sentoj tio, kio praktike interesas, estas favorata, altiras la *atenton*. La memoro pliriĉiĝas, la impresoj, kiujn ĝi kolektas el reprezentoj ĉerpitaj en la antaŭaj spertoj. Tiel reliefiĝas iuj elstaraj trajtoj de l' objektoj, trajtoj komunaj al objekto-grupo.

La lingvo, unue emocia k aktiva, poste sinteza, laŭmezure kiel ĝi diferenciĝas por distingi la objektojn, statojn ktp, delikatiĝas por esprimi la plej variajn rilatojn de l' realo per vortoj, kiuj ricevas abstraktan k ĝeneralan sencon de gramatikaj iloj, fariĝas iom

post iom nekredebla potenco, formas *funkcie* la kapablon distingi la similan k la diferencan, poste abstrakti k ĝeneraligi. Laŭŝajne la disvolviĝo de l' lingvo sekvis proksimume la disvolviĝon de l' artefarita ilaro.

Sed la evoluo de l' primitiva bildo al la pura koncepto estis kompreneble tre malrapida. Kaj ankaŭ kompreneble la rolo de l' socio estis decida (kvankam nerekta).

La kapablo abstrakti k ĝeneraligi, propra al la homo, estas neegala inter la homoj. La inventistoj estas naskitaj kun la talento aŭ genio abstrakti. Kaj la unue pure praktika kapablo de l' abstraktado ĉe la inventistoj fariĝas, per la akumulitaj rimedoj, spontanea plenumo k la ludo de l'intelektaj povoj, pli k pli teoria. Cetere, sen ke la unua bezono, la *intereso*, malaperis. Ne nur ia praktika aktiveco pludaŭras, sed iafoje havas nekompareblajn gravon k eksplodon; tamen la plej spekulativa aktiveco celas funde k lastfine al la konkero super la aĵoj, al la liberigo de l'spirito, al la homara apoteozo. La scienco estas vivilo, eĉ sub sia laŭ ekstera ŝajno malplej efika formo. La animalo estas sklavo de siaj perceptoj, la homo scias rigardi la mondon kun abnegacio.

Ofte tamen la penso forerarís en ĥimeron. Por ke la spirito efiku fruktodone kun la vortoj, la konceptoj devas resti ŝarĝitaj per kerna realo. La *idealo*, sub ĉiuj siaj formoj, naskiĝas el la lingvo; sed ekzistas falsaj k malplenaj idealoj.

La definitiva socio baziĝos sendube sur la unuiĝo de l' spiritoj. Malgraŭ la mistiko, kiu regas ĉiuflanke, racia elemento disvolviĝas k iom post iom regos. La lingvo evoluas de l' konkreto al la abstrakto, de l' mistiko al la racio. Tial la racie artefarita esperanto estas la lingvo de la estonta socio senlandlima.

---

## Scienco k Poezio

Kiu riproĉus la alaŭdon utiligi flugilojn, kiujn la naturo donis al ĝi? Ne pli malbone estas, ke la spirito liberiĝu el la realo, almenaŭ de tempo al tempo. Por resti en bona stato, la cerbo, kiel la cetera organismo, postulas, ke estu kontentigataj ĝiaj fundamentaj instinktoj. Kaj, inter tiuj ĉi lastaj, tiu, kiu igas nin transpaŝi la nunon, okupas, nekontesteble, unuarangan pozicion. En la ĉiutaga vivo, ĝi plibeligas per grajno da idealo agojn seninteresegajn per si mem, ĝi liveras la paprikon, kiu igos forgesi la sengustan mezkvaliton de l'ordinaraj intelektaj nutraĵoj. Ĉe la supera homo, ĝi estas naskanto de tiu ĉi soifo al belo, amo aŭ lumo, kiu donas la grandajn artistojn, la heroojn, la geniajn pensulojn. Oni diris, ke la scienco mortigus la revon, la poezion; ke la arto k la belo fine forrifuĝus el la terglobo, kie la kalkulo plene superregus, kie ĉio reduktiĝus al formuloj k teoremoj. Eraro, ĉar la matematikoj malkaŝas al ni la sekretojn de l'ne-eŭklida[1] mondo k la fizikaj, ĥemiaj ktp. malkovroj, tute ne limigante nian horizonton, plivastigas ĝin ĝis senfino. Ĉu ekzistas poemo supera al tiu, kiun konsistigas la miregindaj donaĵoj de l'astronomio, pentro preferinda al la mirindaĵoj malkovritaj de la mikroskopo? Kaj kia mistera universo estas tiu de l' ondoj k de l' fortoj kaŝitaj malantaŭ niaj sensacioj! Per sia eposa majesto multaj sciencaj teorioj atingas la plej bonajn kreaĵojn de l' imagokapablo. Esprimite per nombroj, paroloj, koloroj aŭ sonoj, tradukite de l'astronomo, la poeto, la pentristo aŭ la muzikisto, ili havas tre diferencajn aspektojn, la revoj elkovitaj en la cerbo de l' homoj; sed ĉiuj havas tion komunan, ke ili transpaŝas la videblon k forportas nin al regionoj, kie la spirito disvolviĝas multĝuege.

Nu, la individuo, kiu, inverse al la speco, ne daŭras senfine, havos, dum sia mallonga ekzistodaŭro, tutampleksan vidon super la universa estiĝado nur, se li vivas en pensado kun tio, kio estis k tio, kio estos. Ankaŭ la arto, apogite sur la scienco, pruviĝas por li kiel mirinda helpilo, ĉu en tio, ke ĝi vizie pentras la estontan homaron, kiun liaj okuloj ne vidos, sed kiun antaŭsentas lia koro k lia racio, ĉu en tio, ke ĝi revivigas la geologiajn epokojn aŭ la sinsekvajn fazojn de l' intelekta progreso. Niaj malfirmaj cerboj, kies daŭro estas efemera, reflektas, kiel tiom da speguloj, la eternajn transformiĝojn de nedetruebla energio. En mallongaj horoj ni resumas senlimajn jararojn; en malgrandega punkto ni koncentrigas la senfinon de l' spacoj, kiuj havas nenie limojn.

Nenia progreso cetere estus ebla, se la homoj ne spertus la logon de l' nekonato, de l' nerealigito. La ago estas ido de l' deziro k por ke ĉi lasta leviĝu, komparo devas stariĝi inter tio, kio ekzistas k tio, kio povus esti, inter la konceptitaj plibonigoj k la observitaj faktoj. Se la fizionomio de l' terglobo jam modifiĝis, tio okazis tial ke niaj prauloj senlace revadis pri mondo pli konforma al iliaj deziroj, pri socio malpli kruela, pri novaj perfektigoj en la tekniko de l'metioj. Iluzia en la fizika mondo, la celeco pruviĝas esenca en la memvola aktiveco; kiam la homo plenumas intencajn movojn, li alcelas rezulton, kies bildo antaŭekzistas en lia spirito. La forto esence propra al ĉiu mensa reprezentado k al ĉiu bezono, jen la psikologia faktoro, kiu tiam intervenas. Tia celeco, kiu tute ne kontraŭas al la determinismo, estas speciala kazo de ĝi; ĝi respondas al la influo de l' cerbaj statoj sur la meĥanismojn de l' korpo. Ĉu ĝi disvolviĝas en kreaĵoj de l'imagokapablo aŭ resumiĝas en praktika idealo, la bezono de elliberiĝo montriĝas neneigeble utila; voli, ke ĝi malaperu, estus senefika k danĝera. . . .

*L. Barbedet (Barbedette).*

[1] *Eŭklido*, antikva matematikisto, inventinto de geometria sistemo.




## Tragedio en la Minejo de G. W. Pabst

Ni havis jam okazon admiri pluraјn el la artoplenaj k emociaj kreajoj de tiu rimarkinda filmreĝisoro. Pabst evidente priskribas, bilde prezentas prefere la mizervivon de l'laboristaro k, kio estas granda lia merito en niaj okuloj, li kuraĝas ankaŭ en siaj verkoj tiri la lecionon. Ĝi estas, ke la laboristoj ne havas intereson batali unuj kontraŭ la aliaj, ke ili devas starigi solidan klasan fronton, unuvorte, devas defendi siajn proprajn interesojn.

Tiu leciono estas tre klare elstarigita en „Tragedio en la Minejo". Ĝin substrekas forte la parolantaj germana k franca ministoj en la fino, post la sav-agado de germanaj ministoj en franca minejo trafita de katastrofo. Laboristo estas laboristo, ministo estas ministo, tiel sonas la simpla leciono el la buŝoj de l'oratoroj: landlimoj por ni ne ekzistas. Kaj la renverso de la limkrado per ministoj venantaj de l' germana teritorio, kiuj penetras en la gasumitan ŝakton de l' najbara franca minejo, unuflanke, la *restarigo* de tiu abomena bariero per reprezentantoj de la kapitalista „ordo", aliflanke, simbole esprimas tre reliefe la tendencon de l' tuta verko.

La malhelpoj de l' diverslingveco, la neeblo interkompreniĝi inter samprofesiaj laboristoj, ankaŭ estas trafe elstarigita: Pabst ja lasas paroli germane la germanojn k france la francojn, tute reale k sentraduke, tra la filmo. Sekve la neceso pri komuna lingvo trudiĝas nepre al la penso, eĉ sen la aludo pri ekzisto de tia lingvo. La rezulto de tiu nekompreno — milito! Ankaŭ tiu ideo estas reliefigita en plej drameca sceno, kiam germana savanto aperas al pereanta franca kamarado kiel „malamiko" (li partoprenis la mondmiliton k vizie revidas en tiu ĉi momento ŝtalkaskumitan germanan soldaton bajonet-ataki lin, k li jam agoniante en sufokiĝo, defendas sin luktante kontraŭ sia savonto).

Esence la tuta filmo estas glorigo de la laborista solidaro universala, alvoko ignori aŭ rompi la landlimojn k krei la unuiĝon de la mondlaboristaro.

Ni vidis la filmon en Parizo, en la granda Gomon(Gaumont)-Palaco. La ampleksa rondkonstruo estis plena da homoj, kiuj la plej grandan parton en angora silento sekvis la filmon; tamen kelkfoje eksplodis la anima streĉiĝo, k oni aŭdis kolervokojn kontraŭ la milito k la sociordo.

Bedaŭrinde kelkaj partoj de l' filmo estis forigitaj de la cenzura tondilo, precipe tiu, en kiu la policistoj, tro malfortaj por kontraŭstari la amason da virinoj k parencoj, kiuj volas trarompi la polickordonon por alproksimiĝi la lokon de l' katastrofo, venigas la soldataron, kiu dispelas la mizerularon. La reĝimo ne povas toleri tian senmaskigon!

*N. B.*



## Sub la sagoj de l'kritiko

K. Kalocsay: Eterna Bukedo. 260 poemoj tradukitaj el 22 lingvoj, de 116 verkistoj. Eld. Literatura Mondo, Budapest. 352 pĝ. Form. 13×20 cm. Lede bindita 2.20 us. dol.

Pli ampleksa estas tiu ĉi kolekto da poemoj tradukitaj el diversaj lingvoj ol iu ajn ĝis nun aperinta en esp-o, ankaŭ tiu publikigita antaŭmilite de la majstra poeto *Grabovski*, kies *Parnaso de l' Popoloj* siatempe jam entuziasmigis — prave — ĉiun literatureman esperantiston.

Vidante ĉi tiun volumon, la demando ree stariĝas — k la recenzistoj kaptas avide la okazon por esprimi sian opinion pri ĝi — ĉu prefere verki originale en esp-o, aŭ ĉu unuavice prizorgi la tradukadon de ĉef-verkoj el la naciaj literaturoj. Mi apartenas al tiuj, kiuj senhezite respondas, ke per tradukado de majstraj verkoj el la mondliteraturo la esp-a lingvo mem estas plej utile k profunde elprovata k ekzercata. Serioza tradukanto estas devigata daŭre serĉi esprimojn (el la jam ekzistanta vortmaterialo; abundo da neologismoj montras gravan mankon de tradukanto); al li malkovriĝas kvalitoj de la lingvo, pri kiuj li neniam konsciiĝus, se li aplikus la lingvon nur por konversacio k korespondado aŭ per legado de tiu aŭ alia libro. Tradukantoj estas ellaborantoj, pliriĉigantoj de la lingvo, multe pli funde ol tiuj, kiuj verkas originale — almenaŭ tiom longe, kiom ne ekzistos personoj dotitaj per eksterordinara verkista talento en nia tendaro, tiom longe, kiom la nuntempe nacilingve verkantaj eminentaj aŭtoroj ne konsentos forlasi la nacilingvan verkadon k krei en esp-o.

Oni ofte aŭdas la riproĉon, ke tradukita ĉefverko estas fuŝaĵo, ĉar ĝi treege malsuperas la originalon. Tio dependas kompreneble de la tradukista lerto! Antaŭ ĉio la sonefiko estas nature tute alia en la tradukaĵo, k ni havu klaron pri tio, ke esp-o kiel vivanta lingvo posedas k ĉiutage pli akiras al si sian propran spiriton: ĉiu traduko konsekvence estas *rekreado*, ne simpla kopiado, anstataŭigo de konvenciaj signoj de unu lingvo per en vortaroj indikitaj konvenciaj signoj de alia lingvo. Tradukanto adaptas, jes, sed tiu adaptado estas interpretado tre suverena; la laboro de tradukanto estas nepre memstara. Tamen ve al tiu, kiu ŝarĝus sian konsciencon per kripligo de iu teksto, falsa interpreto aŭ „malprofundigo" de profunda esprimo, malatento al nuanco!

Zamenhof tre libere tradukis (tro libere, kelkfoje, miaopinie!), sed lia lingvaĵo restas ĉiam estetika, formo k sono belas, k oni povas diri, ke ekzemple por la klasika fono de la dramo *Ifigenio en Taŭrido*, kiun li tradukis, la esp-a lingvo fakte pli konvenas ol la originala (germana).

Sed eĉ plej bona tradukanto de poemoj (estas klare, ke tia persono mem ankaŭ scias fari originalajn versojn en esp-o), eĉ Kalocsay, kiu vere sukcese tradukas, ĉar li ĝisfunde posedas nian lingvon k mem havas artistajn kvalitojn, renkontas neeviteblajn kontraŭstarojn, barojn, kiuj kuŝas en la speciala vokalriĉa vortstrukturo de esp-o, kontrasta al diversaj konsonantriĉaj naciaj lingvoj.

Ne estu riproĉo, sed simpla konstato k atentigo, se mi elstarigas ĉi tie iujn mankojn por montri konkrete, ke eĉ plej bona tradukanto ne *povas* ĉiam plensukcesi laŭ *ĉiuj* vidpunktoj. Ne temas pri mankoj de tradukfidelo, temas pri estetiko en jenaj du kazoj:

*Mignon* (de *Gete* [Goethe]), p. 128: tiu fama kanto komenciĝas tre bone en la traduko, fluas glate k bele la kvar unuaj verslinioj; sed la 5-a: „Ĉu konas vi?" estas elreviga, kruda...

*Elfreĝo* (p. 132, alia fama Gete-versaĵo): fidele tradukitaj estas la du lastaj verslinioj:

Li pene venas al hejmkort',
Surbrake kuŝis la fil' en mort'.

Sed ĝi estas vere malbel-efika kompare al la originalo. Kial? Certe pro la „al hejmkort'" (la akcento kuŝas sur „al", dum la silabo *hejm* estas preskaŭ forglutata en sia senakcenteco); ankaŭ „fil' en mort'" ŝokas, kvankam ritme perfekta. Mi preferus tie jenajn liniojn:

Hejmvenas li kun pen' kaj ŝvit',
La knab' surbrake en mortrigid'.

Aŭ, por eviti la ripetitan i-vokalon en la lasta strofo k konservi la rimvokalon (sonkoloron) de l'originalo:

Hejmvenas li kun pen', angor',
Kadavron premas al sia kor'.

*

Kalocsay rimarkigas, ke certe mankas ankoraŭ grandaj poetoj en tiu kolekto, ke li elektis k tradukis laŭ sia persona plaĉo, k ke li per tiu elekto neniel volis fari valorjuĝon pri tiu aŭ alia poeto aŭ nacia literaturo.

Por leganto tre utilaj estas la notoj ĉe la fino pri ritmo k rimo en esp-o, la biografieto pri ĉiu poeto prezentita, k fine la listo da neologismoj.

El ĉi lastaj ŝajnas al ni pluraj tute malnecesaj k eviteblaj, kvankam la tradukinto opinias ne povi rezigni je ili. Eĉ en la poezio, kiu estas ligita per la ritmo, estas evitebla la uzado de *superfluaj* nov-vortoj! Mi ne parolas pri tiu aro da neoficialaj vortoj, kiuj jam estis uzitaj de Zamenhof, aŭ kiuj troviĝas en la „Plena Vortaro de SAT", maturaj por esti iam oficialigataj. Tamen mi preferus nevidi (en la intereso de l' esp-istaro): *bunta* (multkolora), *disipi* (malŝpari), *dura* (malmola), *fajna* (delikata), *lici* (rajti, esti permesata), *lasciva* (seksĝuema), *povra* (!) (kompatinda), *tenera* (karesema), *trista* (malĝoja).

Ni bedaŭras, ke la mitologiaj nomoj ne estas konsekvence esp-igitaj (kial Alkeo, Bakĥo, Ganimedo, Hadeso, sed Zeus, Prometheus (!) anstataŭ *Zeŭso, Prometeo?*).

Per tiuj lingvaj kritikoj ni tamen ne volas malgrandigi la talenton de Kalocsay k la valoron de tiu ĉi bela volumo.

*N. B.*

## RADIO-PROGRAMO:

*7. aprilo:*
16.50 – 17.00: Vieno k relajoj, informoj.
21.15 – 21.35 ? : Kaŭnas, 1935 m, parolado (*Same:* 14. aprilo.)
22.40 – 22.50: Breslaŭ-Gleiwitz, 10 min. esp. por laboristoj.

*8. aprilo:*
23.30: Lisboa CTIAA, 42,90 m, informoj (*Samhore:* 15. aprilo.)

*9. aprilo:*
18.30 – 18.45: Zagreb, 307 m, informoj.
21.15 – 21.25: Lyon-la-Doua, 466 m, nuntempaj pripensadoj (Borel). (*Samhore:* 16. apr., sekvo.)
22.05 – 22.30: Leningrado, 1000 m, informoj (*Samhore:* 12. aprilo k 15. aprilo).

*10. aprilo:*
9.10 – 9.30: Ljubljana, 576 m, parolado.
9.10 – 9.35: Hilversum, 298 m, kurso (lab.) – *ĉiudimanĉe samhore.*
10.10 – 10.30: Helsingborg, 229 m, parolado.

*12. aprilo:*
20.00 – 20.10: Tallinn, Tartu, informoj.

*14. aprilo:*
22.35 – 22.45: Breslaŭ-Gleiwitz, la sileziaj junulhejmoj (Koŝate.)

*Pro somera tempo* eble kelkaj sendhoroj ne estas korektaj.

## KORESPONDADO

### GERMANIO

K-do Paul Apelt (kompostisto), Oststr. 1, *Schkeuditz ap. Leipzig,* koresp. kêl, ankaŭ kun Sovetio.

2 K-dinoj serĉas koresp-adon kêl. pri interesaj temoj. Adr.: K-dino Martha Qualmann, Hakenort 36, *Bielefeld.*

K-do Werner Preuss, Wissmannstr. 18, *Leipzig O 30,* dez. interŝ. PM, krom Germanio. Koresp. pri ĉ. temoj, resp. garantiata.

### HISPANIO

Junulrondo dez. interŝ. L, PI, kêl. Adr.: Justo Bosch, Portillo 64, 2-o, izquierda, *Zaragoza.*

### NEDERLANDO

Partoprenintoj de kurso koresp. kun tutmondaj Gek-doj. Skribu al: K-do W. F. Kruit, Haarlemmermeerstr. 103/II., *Amsterdam.*

9 Gek-doj k 12 infanoj (10 – 13 j.) koresp. kêl. Adresu ĉion al: K-dino Annie Oud, *West-Graftdijk.*

### SAARLANDO

K-do L. Weidmann, Bruchstr. 12, *St. Ingbert,* kêl, L, PI, PM, esp-aĵoj. Resp. garantiata. Skribu multnombre!

### SOVETIO

Geedzoj *Abastdze,* Heleno k Georgo, dez. kor. kêl pri ĉt., prefere pri viv-kondiĉoj de klasbat. lab-istoj, politiko, kontraŭreligia mov. k fotoj, ul. Dzneladze 37, *Tiflis.*

K-do *Aksenov N.,* Internacionalnaja str. 153, *Kaluga,* kêl pri ĉiuj temoj.

K-do *Polakov V.,* Krasnaja 68, *Balaŝov,* Niĵ. Volĵ. kraj., grupo de esp. aktoroj kêl pri ĉt.

K-do *Alekseev, Balaŝov,* Niĵ. Volĵ. kraj. Poŝto. Grupo de poŝtlaboruloj kêl pri div. t.

K-do *Poletaeva,* Berezovskaja 12, *Sverdlovsk,* kêl pri ĉt.

K-dino *Marmolaeva A.,* Pl. Ostrovskij, direkcio de Oktjabr. j.d. Dom 2 m, km 204, *Leningrad,* kolektive kun fervoj. organiz-oj k junkomunistoj.

K-do *Bograd,* Puŝkinskaja 117, kv. 11, *Rostov-Don,* kêl pri ĉt., L, PK, PI, PM.

### SVEDIO

25 gelernantoj koresp. kêl, L, PI. Resp. garantiata. Adr.: Nils Jansson, L. B. 142, *Hagfors.*

---

**1. Majo-salutoj:**

La nederlanda L.E.A. eldonos okaze de la *1-a de Majo* specialan propagando-numeron de sia gazeto „Laborista Esperantisto", kiu estos disdonata en kunvenejoj k manifestacioj. Tial ni petas al esp. organizoj k aliaj, same al niaj eksterlandaj K-doj sendi al ni koncizan 1. Majan saluton esp-lingvan (antaŭ la 20. aprilo), kiun ni tradukos nederlandlingven k metos en nian gazeton. Rekompence ni sendos ekz. de tiu gazeto al vi.

*Red. de Laborista Esperantisto,*
*Middenweg 226, Amsterdam (O), Nederlando.*



**ATENTU!**
34 gekursanoj deziras korespondi kun Gek-doj el la tuta mondo. Skribu multnombre al: K-dino H. Bishoff – Reinier Claeszenstraat 40 h. *Amsterdam-W* (Nederlando).

La 17-a Kongreso de la Federacio de Lab. Esperantistoj en la regiono de l'nederlanda lingvo okazos la 17-an de aprilo en „Eierhal", *Apeldoorn.* Sendu multnombre salutleterojn!

---

Atentu! *Ĝis* la 10-a de aprilo la adreso de l'sekretariejo de la Nederl. LEA estas Jan van Galenstr. 251, 2, Amsterdam-West, *depost* la 10-a de aprilo Hondiusstraat 4 – 2, Amsterdam-West.

---

**Atentu kongrespartoprenontoj!**
Post la kongreso en Ŝtutgarto ni volas aranĝi internacian renkontiĝon en Heidelberg, sabate la 13-an de aŭgusto ĉi-jare. (H. estas atingebla per vagonaro de Ŝtutgarto en 2 h.). Ni invitas ĉ. eksterlandajn Gek-dojn veni al Heidelberg en tiu tago. Anoncu vin kiel eble plej baldaŭ, por ke ni ĝustatempe povu prizorgi loĝejon ktp. – Skribu al: K-do A. Löschmann, Brückenstr. 37, *Heidelberg* (Germ.) *SEA-Grupoj de Mannheim k Heidelberg.*

---

**Renkontiĝo de Majn-Rejn-distrikto.**
Ĉiuj SAT-anoj k lab. espistoj de ĉi tiu distrikto estas invitataj renkonti sin la 8-an de majo en la „Didesheimer" ŝtonrompejo ap. Offenbach. (Vetig, *Gelnhausen*).

---

# Al la Legantaro!

*Vi jam prenis en la manon k trafoliumis la unuan numeron de l'nova kolekto de La NOVA EPOKO. Ĉu ĝi trovas vian tutan aprobon en sia nuna aspekto? ĉu ĝia aranĝo plaĉas al vi? ĉu ĝia legado interesis vin? Jen insistaj demandoj, kiujn ni direktas al vi k al kiuj ni esperas ricevi vian respondon. Nur per viaj kritikoj, konsiloj, sugestoj ni povos tute kontentigi vin en la venontaj n-roj. Ne forgesu ankaŭ, ke ni atendas ricevi el la tuta mondo bonkvalitajn kunlaboraĵojn por la diversaj rubrikoj de la revuo.*

*La plej bona respondo, kiun vi povus fari al ni, estus helpi en la varbado de novaj legantoj k abonantoj. Neniu varboto diru, ke li jam abonas plurajn gazetojn k pro tio ne povas interesiĝi pri nia revuo: ĝi ja tute diferencas de aliaj similaj revuoj, k krome — tre grave, ĝi estas la plej malmultekosta tiaspeca esperanta revuo! Do, K-do, se vi mem plezure akceptis ĝin, se vi estis ĝojigata per ĝia enhavo k konvinkiĝis pri ĝia vivrajto, vi konvinku ankaŭ vian kunulon, vian samgrupanon, vian esperantistan amikon pri tio: montru al li la kajeron k la tarifon (ĉi sube presitan), kiu estas tiel modera kompare al la amplekso k bela aspekto de l' revuo, ke laŭ nia opinio neniu emus rifuzi aboniĝi al ĝi.*

*„S-ulo"-abonantoj, ne hezitu viaparte aboni aparte ekzempleron de „LNE" por ĝin vaste diskonigi ĉe viaj konatoj! LA REDAKCIO.*

---

**Abontarifo:**
Argentino, pes. 2; Aŭstrio, ŝil. 4; Belgio, belgoj 3; Brazilio, milr. 5; Britio, ŝil. 3: Bulgario, lev. 100; Ĉeĥoslovakio, kr. 20; Danio, kr. 3; Estonio, kr. 2.50; Finlando, mk. 25; Francio, fr. 15; Germanio: mk. 2.50; Hispanio, kiel Francio; Hungario, peng. 4; Italio, lir. 15; Japanio, jen. 2; Jugoslavio, din. 40; Latvio, lat. 3; Litovio, lid. 6; Nederlando, guld. 2; Norvegio, kr. 3; Polio, zlot. 5; Portugalio, esk. 12; Rumanio, lej. 120; Sovetio, rubl. 1.50; Svedio, kr. 3.50; Svisio, fr. 3.50; Usono, dol. 1.

**REDAKTEJO: 14, av. de Corbéra, Paris 12e.**
**ADMINISTREJO: R. Lerhner, Kolmstr. 1, Leipzig O 27.**

Presejo: Oscar Wettig, Gelnhausen (Germanio)